KONGRESA KURIERO DE LA 101-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO



# Pribina




Sabato, 23 julio 2016 N-ro 1

## Kial Pribina kuriero?

La kongresa kuriero nomiĝas ĉi-jare Pribina kuriero. La kuriero ricevis sian nomon laŭ fama loĝanto de Nitro, la princo Pribina (ĉ. 800-861). Li kristaniĝis kaj konstruigis la unuan kristanan preĝejon en slava teritorio en Orienta Eŭropo, en loko, kiu supozeble estis la nuna Nitro en 827, aŭ temas almenaŭ pri la unua slava preĝejo, kies ekzisto estas dokumentita. Li estis princo de duklando Nitro ĝis la jaro 833 kaj poste duko de Malsupra Panonio, kiu troviĝas en la teritorio de la nuntempa Hungario.



La princo Pribina estis la unua konata reganto de slovakoj kaj tial antaŭ ekuzo de eŭro li aperis en slovaka monbileto de 20 kronoj kaj lia statuo troviĝas en la kastelo de Nitro.

## KORAN DANKON

Ni elkore dankas s-inon Clara Bracke (BE) pro la donaco, kiu helpis efektivigi la okazigon de la futbalmatĉo!

Ni elkore dankas Institucion Hodler pro la donaco al la kongreso!

## Kongresa kuriero

La kurieron redaktas ĉi-jare Jukka Pietiläinen kun helpo de Miroslav Malovec kaj Pavol Petrik. La teknika redaktoro estas Edoardo Nannotti.

Por viaj kontribuaĵoj por la kuriero uzu la retadreson kongresakuriero@gmail.com aŭ portu klare skribitajn tekstojn al la skatolo de la kongresa kuriero en la informejo.

## ATENTU:

**SALONO BORČIĆ**

La salono Borčić troviĝas en la hotelo Agroinštitút, kie okazos la Kongresa Balo.

**ĜISDATIGO DE PROGRAMEROJ EN LA TABELO** (paĝoj 23 kaj 24 de la Kongresa Libro)

Bv. atenti ke en la programtabeloj de dimanĉo kaj lundo estas interŝanĝitaj programeroj. La prezento de la **Centro Ludoviko Zamenhof** okazos en **dimanĉo 17h00-18h00** en **salono Hodler**. La **Filmo: Dobrzyński** okazos en **lundo 12h00-13h00** en salono Hodler. La informoj en la Alfabeta- kaj Laŭtaga programoj kaj en la priskribo de la aranĝoj (paĝoj 51 kaj 81) estas korektaj.

**PROGRAMERO POR UNUAFOJAJ KONGRESANOJ**

La programero por la **Unuafojaj kongresanoj** okazos jam en la unua **sabato 15h00-16h00** en la salono **Škarvan**, en la sama konstruaĵo kie troviĝas la **Libroservo**!

# Kio okazos hodiaŭ en la kongresejo?

La komenca sabato de Universala Kongreso estas alventago, dum kiu la kongresanoj alvenas kaj renkontiĝas sen multa programo. Tamen dum la tago okazas kelkaj interesaj aferoj. Kunsido de la komitato de UEA estas unu el ili kaj ĉi-jare la sabato estas aparte interesa, ĉar estos elektita la nova estraro de UEA. La prezidanto estos plej verŝajne la nuna, nome Mark Fettes, sed ne klaras, kiuj estos liaj kunlaborantoj en la Estraro. Tio okazos jam relative frue en la tagordo, do indas sekvi ĝin se vin interesas la politiko ene de UEA. La publiko povas sekvi la kunsidon de la Komitato, ”la esperanta parlamento”. Krome en la programo rimarkindas la Libroservo kiu malfermos jam je la 14-a horo. Serĉu tie la novaĵojn de esperanta literaturo. Vespere la ĉefa aranĝo estas la Movada Foiro, kie plej diversaj esperantistaj organizoj prezentas sian agadon. Iru por konatiĝi kun novaj kaj malnovaj amikoj. Kaj por unuafojaj kongresanoj okazas programero Unuafojaj kongresanoj, kiu hepas vin orientiĝi en la kongreso.

# Oratora Konkurso en Nitro

Dum la 101-a UK en Nitro denove okazos Oratora Konkurso por la junularo. La precizaj dato kaj loko estas anoncitaj en la Kongresa Libro. Rajtos partopreni ĝin gejunuloj ĝis la 30-a vivojaro, kiuj aliĝis al UK. Partopreno estas senpaga, sed la kandidatoj devos skribe anonci sin minimume unu tagon antaŭ la konkurso al la estrarano pri kulturo, Barbara Pietrzak, bpietrzak@onet.eu.

La junaj oratoroj povos elekti unu el la jenaj temoj:

1) Socia justeco – lingva justeco;
2) Informadika socio – ŝanco je kleriĝo (Jaro de Lernanto);
3) Idea heredaĵo de Ludoviko Zamenhof (2017 – Jaro de Zamenhof);

Oni devos paroli pri la elektita temo libere, sen antaŭpreparita teksto, sed oni tamen rajtos uzi memorigajn notojn. La maksimuma daŭro de la parolado egalas al 10 minutoj. La paroladon oni taksos laŭ la vidpunkto enhava, lingva, stila kaj laŭ la ĝenerala sinteno de la kandidato kiel oratoro. Kompleta regularo troviĝas ĉe: http://uea.org/teko/regularoj/regularo_oratora_konkurso

# Nia kongresejo

La kongresejo, kie okazas la nuna UK estas sur la grundo de la Slovaka Agrikultura Universitato. Ĝi estas unu el trideko da slovakaj universitatoj kaj altlernejoj kaj fondiĝis jam en 1946 kiel Altlernejo de agrikulturista kaj forstista inĝenierado en Košice, el kiu en 1952 estiĝis du memstaraj altlernejoj el kiu unu estas Agrikultura altlernejo en Nitro. Nuntempe la Slovaka Agrikultura Universitato havas ses fakultatojn kaj proksimume dek mil studentojn. La universitato orientiĝas plejparte al agrikulturo, biologio, ekonomio kaj teknikaj sciencoj. Apud la universitato troviĝas botanika ĝardeno.

La agrikultura universitato tamen ne estas la sola universitato en Nitro, sed la urbo havas ankaŭ alian universitaton nome Universitaton de Konstantino Filozofo, kiu havas ĉ. 11 000 studentojn. Tiu universitato estis origine pedagogia altlernejo, fondita en 1959, kaj havas fakojn el natursciencoj ĝis filozofio kaj pedagogio.




## Ĉiutagaj Mesoj kaj la Ekumena Diservo

Preĝejo de sanktaj Petro kaj Paŭlo, Samova 2, Nitra (survoje al la kastelo-katedralo)

Sabato, la 23-a de julio
* 15:00 Meso

Dimanĉo, la 24-a de julio
* 15:30 Ekumena Diservo
* 16:30 Meso

25-a ĝis 30-a de julio
* Mesoj ĉiutage je la 7:30

Marija Belošević

# Programo de la aŭtomata kinejo

*La kinejo estas en la salono Zachariáš*

**Dimanĉo, la 24-a de julio 2016**

09:00 – Asteriks kaj la Vikingoj
(Astérix et les Vikings)
10:21 – Ĉuvaŝa Leciono
10:51 – Bukedo (Kytice)
12:17 – Civitano Kvar (Citizenfour)
14:16 – En Juli(o) (Im Juli)
15:58 – Lotrando kaj Zubejda
(Lotrando a Zubejda)
17:52 – Esperanto Geedzigas

**Lundo, la 25-a de julio 2016**

09:00 – Lotrando kaj Zubejda
(Lotrando a Zubejda)
10:44 – Ĉeĥa Sonĝo (Český sen)
12:12 – Historio de Aĵoj (Story of Things)
12:39 – Sintel
13:00 – Kuŝejetoj (Pelíšky)
15:02 – La Koloro de Lakto (Ikke naken)
16:39 – La Knabino kun Oranĝoj (Appelsinpiken)

**Mardo, la 26-a de julio 2016**

09:00 – La Koloro de Lakto (Ikke naken)
10:37 – La Patro
11:24 – La Matrico (Matrix)
13:41 – La Ŝranko (Le Placard)
15:08 – La Truman-spektaklo (The Truman Show)
17:00 – Vojaĝanto tra kosmo kaj jarcento
17:47 – Esperanto: Kiel Denaskulo
(Esperanto: Like a Native)

**Ĵaŭdo, la 28-a de julio 2016**

09:00 – Vuk
10:19 – Marmota Tago (Groundhog Day)
12:02 - Ni ne plu vivu kiel sklavoj
(Ne vivons plus comme des esclaves)
13:38 – S-ro Neniu (Mr. Nobody)
15:57 – Trajnbirdo
(Zugvögel … Einmal nach Inari)
17:27 – Vivo kaj laboro en Esperantujo
17:49 – Esperanto Geedzigas

**Vendredo, la 29-a de julio 2016**

09:00 – Asteriks kaj la Vikingoj
10:21 – Seksmisio (Seksmisja)
12:23 – Starbuck
14:17 – Teranoj (The Earthlings)
15:58 – Sed mi estas huraistino
(But I'm a Cheerleader)
17:33 – Esperanto: Kiel Denaskulo
(Esperanto: Like a Native)



## Novaj aliĝintoj

1215. S-ino Wiktoria Katarzyna Mronga, Germanio
1216. S-ro Gook Namju, Korea Resp.
1217. D-rino Marie Kaufmann-Vančurová, Ĉeĥio
1218. S-ino Anna Ritamäki-Sjöstrand, Finnlando
1219. S-ino Sigrid Sjöstrand, Finnlando
1220. S-ro Martin Strid, Svedio
1221. S-ro Lyle Evans, Usono

Estimataj sinjorinoj kaj sinjoroj, karaj geamikoj,

kun plezuro mi sendas al vi miajn korajn salutojn okaze de la 101-a Universala Kongreso en Nitro.

Bedaŭrinde, mia sanstato ne permesis al mi veni al vi. Des pli multe mi pensas pri vi kaj mi estas kun vi anime. Mi deziras al ĉiuj ĉeestantoj permanentan energion kaj ĝojon pro nia komuna laboro.

Mi salutas vin en unueco kun vi.

Permesu ke mi salutu vin per la vortoj de Ludoviko Zamenhof:

"Sankta estas por ni la hodiaŭa tago...

ne ekzistas nacioj fortaj kaj malfortaj, privilegiitaj kaj senprivilegiitaj… kaj hodiaŭ kunvenis ne rusoj kun poloj, ne slovakoj kun germanoj, sed homoj kun homoj."

Magda ŠATUROVÁ

## Aŭtoraj Duonhoroj
## (en la Libroservo, salono Bociort)



### Ulrich Lins

"La danĝera lingvo", plene reviziita eldono reference al fontoj konsulteblaj nur post la germana unuiĝo kaj malkomponiĝo de Sovetunio.

***Dimanĉo – 13h00***



### Federico Gobbo

Festlibro honore al Renato Corsetti – "Federico Gobbo (red / acd / ed). Lingua, politica, cultura: Serta gratulatoria in honorem Renato Corsetti".

***Dimanĉo – 14h00***



### Dima Ŝevĉenko kaj Anna Striganova

Novaj kaj malnovaj libroj originale verkitaj en Esperanto. I.a. "Fabeloj pri malicaj estaĵoj", la tria libreto el serio "Fabelaj sekretoj" ilustrita per fotoj de pupoj, kreitaj de la aŭtorino.

***Lundo – 16h00***



### Martin Stuppnig

Aŭtobiografie "Home en senhomeco. Militimpresoj".

***Lundo – 17h15***



### István Ertl

Pri feliĉa vivado, De vita beata – la dua plibonigita eldono de traktaĵo elmetanta la opiniojn de stoikisto pri feliĉa vivo.

***Mardo – 10h00***

**Atenton eldonistoj!**

Ĵaŭde, la 28-an de julio 2016 en la salono Hodler okazos prezento de la Libroj de la Jaro. Eldonistoj planantaj prezenti siajn verkojn estas petataj kontakti UEA-estraranon Barbara Pietrzak (KN 57), bpietrzak@onet.eu.



### Spomenka Štimec

"Karesado antaŭ dormo" de Lubomir Feldek. Slovaka kaj kroata ampoezio en Esperanto.

***Mardo – 11h00***



### Zlatko Tišljar

Prezentas siajn du plej lastajn librojn – "Ekzistado - kibernetika klarigo de la mondo" kaj "Nekutime pri multio".

***Mardo – 14h00***



### Amri Wandel

Memorlibro de ELI omaĝe al Josi Shemer, kun la valoro de historia dokumento, enhavanta i.a. pli ol 50 el liaj artikoloj publikigitaj dum kvar jardekoj.

***Mardo – 15h00***



### Petro Chrdle kaj Katka Nosková

La ĉeĥa kaj slovaka versioj de "Esperanto od A do Z".

***Ĵaŭdo – 10h00***



### Marianne Dunlop

"Sovetunio 20 jarojn poste. Reveno el Ukrainujo en milito".

***Ĵaŭdo – 11h00***



### Ján Vajs

"Slovakaj plejoj" kaj "Kiu estas kiu" – verkoj speciale eldonitaj por/okaze de la UK.

***Ĵaŭdo – 12h00***



### Trevor Steele

Vid-al-vide kun la aŭtoro de „Flugi kun kakatuoj”, „Paradizo ŝtelita” kaj aliaj.

***Ĵaŭdo – 16h00***



KONGRESA KURIERO DE LA 101-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Pribina



Dimanĉo, 24 julio 2016 N-ro 2

## Komitato elektis novan estraron

La unua sesio de komitatkunsido en sabato la 23-an de julio reelektis Mark Fettes (Kanado) kiel prezidanton de UEA, sed la estraro iomete ŝanĝiĝis. El la antaŭa estraro restis krom Fettes, Lee Jung-Kee, Stefan MacGill kaj Martin Schäffer kaj la novaj estraranoj por la periodo 2016-2019 estas Emilio Cid (Brazilo) kaj Maria Rosaria (Sara) Spanò (Italio/Germanio). Ne estis elektita Bharat Kumar Ghimire (Nepalo), kiu ankaŭ kandidatiĝis por la estraro, sed kiu ricevis nur 12 voĉojn. La plej multajn voĉojn ricevis Stefan McGill (37), Mark Fettes (35), Maria Rosaria Spanò (35), Lee Jung-Kee (34), dum kun la plej malgranda voĉnombro estis elektitaj Martin Schäffer (32) kaj Emilio Cid (32). Entute estis 40 validaj voĉdoniloj, do ĉiu elektita estrarano estas subtenata de minimume pli ol tri kvaronoj de la ĉeestantaj komitatanoj.

La komitato decidis, ke estu nur unu vicprezidanto, kiun la elektita estraro elektos inter si same kiel ĝeneralan sekretarion. La divido de taskoj inter komitatanoj estos decidita nur post kiam la nova estraro kunvenos inter si kaj diskutos pri la taskodivido. Plej mankas respondeculo por kulturo, scienca agado kaj kongresoj, por kies tasko eventuale estos poste elektita kroma sepa estrarano.

Krome la komitato jam hastis elekti per levo de manoj komitatajn reviziantojn, por kio tamen estis bezonata skriba voĉdonado.


**Mark Fettes**
Prezidanto


**Emilio Cid**


**Lee Jung-Kee**


**Stefan MacGill**


**Martin Schäffer**


**Maria Rosaria Spanò**

La decido, same kiel elekto de financa komisiono, estis prokrastita al la sekva kunsido de komisiono dum la kongresa semajno. Ans Bakker-ten Hagen kaj Flory Witdoeckt kandidatiĝis kiel komitataj reviziantoj kaj al komisiono pri financoj kandidatiĝis Francisco Polerani el Italio, Huang Jingbao el Ĉinio kaj Fernando Maya el Brazilo.

Komence de la komitata kunsido ĉeestis 26 komitatanoj, do la kunsido havis kvorumon. Komence estis elektitaj la komitatanoj C, kiuj estas kvazaŭ kromaj membroj apud la komitatanoj A, kiuj reprezentas la landajn asociojn, kaj komitatanoj B, kiuj reprezentas individuajn membrojn. Temas fakte pri nova komitato elektita por nova trijara periodo, kvankam multaj komitatanoj jam membris en komitato dum antaŭaj periodoj. La novaj komitatanoj C fariĝis Ans Bakker-ten Hagen (28 voĉoj el 38 validaj voĉoj), Renato Corsetti (31), Huang Yinbao (30), Zsófia Kóródy (35), Lee Jungkee (32) kaj Maria Rosaria Spanò (33), sed ne elektiĝis Eran Vodevoz, kiu ricevis nur malpli ol duonon de la voĉoj, nome 18 voĉojn. Eventuale efikis tio, ke li aperis sur la voĉdonilo kiel la lasta laŭ la alfabeta ordo.

Ankaŭ Osmo Buller, eksa ĝenerala direktoro de UEA, kandidatiĝis por la komitato kiel komitatano C, sed ĉar lia kandidatiĝo venis tro malfrue, procedure ne eblis elekti lin tuj. Tamen la komitato decidis nun elekti naŭ komitatanojn C, do post elekto de ses komitatanoj, restas ankoraŭ tri liberaj lokoj. Krome la komitato

## Solena Inaŭguro

La salono Zamenhof (Inaŭguro) troviĝas en la **Urba Sporta Halo** (Mestska Hala, Dolnočermanska 105).
Estos senpaga busa transporto de antaŭ la kongresejo ĝis la salono Zamenhof inter la 8h45 ĝis la 9h45 hodiaŭ.

rajtas elekti en sia nuna konsisto eĉ 14 komitatanojn C, do la komitato povas kompletigi sin eĉ poste.

Inter la unuaj aferoj en la komitatkunsido aperis diskuto pri la kialoj de la demisio de estrarano Stefano Keller en aprilo ĉi-jare. La demisio surprizigis ĉiujn, sed surbaze de respondoj de aliaj estraranoj kaj de la prezidanto, ne temis almenaŭ unuavice pri la problemoj en la interna laboro de la estraro.

Kiam temis pri la elektoj, membro de la elekta komisiono Ulrich Lins konstatis, ke estis malfacile trovi kandidatojn por estraraj postenoj. La emo fari burokratajn laborojn en la Esperanto-movado estas subevoluinta, li opiniis. Taŭgaj kandidatoj, kiuj estis kontaktitaj, ofte rifuzis, ĉar ili timis la laborŝarĝon, kiun estraraneco povos kunporti. Iom malkutime surbaze de la praktiko dum la pasintaj jardekoj, la elekta komisiono ne volis subteni iun el la estraraj kandidatoj antaŭ aliaj, krom la prezidanto, sed opiniis, ke el sep kandidatoj la komitato elektu ses estraranojn.

Parte la kunsido fariĝis relative kaosa, ĉar la diskuto iris al flankaj demandoj rilate la evoluon de UEA kaj Esperanto ĝenerale. Ekzemple aperis diskuto, ĉu elekti nur kvin aŭ ses komitatanojn C. Konfliktis la volo voĉdoni pri komitatanoj kaj tiel gardi la kvaliton unuavice, kaj aliflanke la volo elekti maksimuman nombron de komitatanoj C, kio iom ekvilibrigus la plimulton, kiun nuntempe reprezentas la komitatanoj A. La komitato unue voĉdonis pri propono elekti naŭ komitatanojn C kontraŭ aliaj proponoj, do la komitato akceptis la proponon kun kvar malkonsentoj kaj tri sindetenoj.

En la prezento de sia kandidatiĝo por prezidanteco Mark Fettes diris, ke li ne povis realigi ĉion, kion li volis dum sia unua trijara periodo, sed ke li kontentas pri la funkciado de la estraro kiel teamo. Li ankaŭ laŭdis la laboron de la nova ĝenerala direktoro Veronika Poór, pri kiu, komencita nur antaŭ kelkaj monatoj, li estas tute kontenta. Post trijara laboro Mark havas senton, ke nia ŝipo komencas turniĝi kaj nun la tasko estas daŭrigi tiun turnadon. Li volus pli kapabligi la oficejon kaj la estraron, por ke la estontaj generacioj havu pli facilan taskon. Mark laŭdis la laboron de la ĝisnunaj estraranoj kaj diris sian opinion ankaŭ pri la novaj kandidatoj por la estraro. Li volis, ke nun estu elektita minimuma estraro de ses homoj kaj ke ni serĉu por poste elekti sepan homon, kiu okupiĝu pri kulturo, scienca kaj faka agado kaj kongresoj.

Inter sinprezentoj de estraranoj rimarkeblis atento, kiun multaj el ili volas doni al informado kaj eksteraj rilatoj. Krome interesa estas la ideo de Stefan McGill organizi Universalan Kongreson en Afriko en 2020 aŭ 2021.

La kunsido ne sukcesis finiĝi en planita tempo, sed estis plilongigita per duona horo. La komitatkunsido daŭros en lundo je la 14-a, kiam estos traktota inter alie la jarraporto pri la jaro 2015.

Jukka Pietiläinen

# Kio okazas hodiaŭ?

La ĉefa kongresa ero hodiaŭ dimanĉe estas la solena inaŭguro, kiu okazos en la salono Zamenhof, kiu estas en sporta halo iom malproksime de la ĉefa kongresejo. Okazas busa transporto tien.

Post la inaŭguro la kongresa programo fokusiĝas al fakaj kunsidoj kaj prelegoj, inter ili la plej interesaj estas prelegoj pri Slovakio kaj la inaŭguro de la Internacia Kongresa Universitato (IKU), kiu okazos komence de la unua IKU-prelego. Tie ankaŭ la postaj prelegantoj de la universitato prezentas mallonge sian prelegon. Krome inter aliaj interesaj programeroj estas la Nova estraro sin prezentas, kiu okazos je la 15-a horo. Je 16h30 okazos la unua programero, la enkonduka rondotablo, pri la kongresa temo Socia justeco – lingva justeco. Lokoj aperas en la kongresa kuriero. Krome indas viziti la libroservon, kie okazos ankaŭ prezentoj de libroj (vidu la programon en la sabata numero de tiu ĉi gazeto).

Vespere okazos la nacia vespero, kiu prezentos la slovakan kulturon. La loko por vespera programo estas la ĉefa urba placo.

### Malfermhoroj de giĉetoj de Ekskursoj kaj Kasisto de UEA

La giĉetoj de Ekskursoj kaj Kasisto de UEA estos malfermitaj de 9h00 ĝis 12:45 kaj de la 13:45 ĝis la 17h30 de dimanĉo ĝis mardo kaj de ĵaŭdo ĝis vendredo. Sabate la giĉetoj estos malfermitaj inter la 9:00 kaj 12:45.

La deĵorantoj foje devos foriri kaze de problemoj solvendaj nepre aliloke, kaj certe dum la programero Centra Oficejo respondas.

# Inaŭguro de ekspozicioj



Vendrede 22.7., en la urba sinagogo de Nitro, je la 17-a horo okazis la inaŭguro de la 2 ekspozicioj: Vivo de Zamenhof kaj Historio de Esperanto en Nitra. Okazaĵon malfermis ĉefa organizanto de 101-a UK, Peter Baláž (Slovakio). Sekvas paroladoj de Prezidanto de UEA, Mark Fettes (Kanado), urbestro de Nitra, Jozef Dvonč (Slovakio), reprezentantino de la Centro de Ludvig Zamenhof, Anna Danilewicz (Polando) kaj vicprezidanto de LKK de 101-a UK, Ján Vajs (Slovakio). Gastoj kaj partoprenantoj sekve povis trarigardi interesajn ekspozicioj kaj gustumi la esperantan vinon kaj akvon.

Peter Rybín (kongresa numero 614),
Liptova Esperanto Klubo

# ATENTIGOJ

**Aŭtomata Kinejo**
Hodiaŭ la aŭtomata kinejo ekfunkcios **de la 14:16** pro la Solena Malfermo de la Kongreso.

**Paroligaj lecionoj**




La paroligaj lecionoj por mezniveluloj kun **Sylvain Lelarge** (edukado.net) **NE** okazos en la salono Zvara, sed **ekstere apud la barata restoracieto**. Tio validas por ĉiuj tagoj.

**Horarŝanĝo ĉe festlibro honore al Renato Corsetti**
La 29-an de marto 2016 Renato Corsetti jariĝis 75 kaj pro la okazo geamikoj kaj kolegoj volis lin omaĝi per festlibro, kiu enhavas 29 ĉapitrojn pri lingvopolitiko, esperantologio, lingvolernado kaj aliaj lingvistikaj kaj humanismaj temoj. La volumo titoliĝas en la latina, ĉar la kontribuaĵoj venis en la tri lingvoj, kiujn li uzis en 40 jaroj por konigi sian penson: Esperanto (19 ĉapitrojn), la itala (8) kaj la angla (2). Ĉiu ĉapitro prezentas tri resumojn en la tri lingvoj de la volumo mem. La prezento de la volumo okazos **dimanĉon je la 16h00** (anstataŭ je la 14h00) en la Libroservo (salono Bociort) kadre de Aŭtoraj Duonhoroj.

# KER-ekzamenoj

Eblas ankoraŭ aliĝi al la ekzamenoj ĝis noktomezo, la 27-an de julio. Uzu la retan aliĝilon ĉe http://edukado.net/ekzamenoj/ker/sesioj aŭ vizitu la KER-oficejon Tvarožek.

Atentu, la lokoj por la kompleksaj kaj parolaj partoj estas tre limigitaj.

Pagi por la ekzamenoj necesas ĉe la kongresa kaso.

Por pliaj informoj serĉu la KER-oficejon aŭ skribu al ker-ekzamenoj@edukado.net.

Restis ankoraŭ kelkaj liberaj lokoj por la merkreda tuttaga busa ekskurso al la budapeŝta ekzamencentro. Por aliĝi kontaktu la ekskurso-giĉeton.

Katalin Kovats, kn 902



## Urbaj busoj senpagaj dum la tuta semajno

Bonega novaĵo por ĉiuj kongresanoj! Ĉiuj busoj de la urba trafiko funkcios por vi speciale senpage! Kun via nomŝildo, kiun vi montru al la ŝoforo de la buso – vi povas veturi dum la tuta kongresa semajno sen elspezi monon. La servon ebligis bonega kunlaboro kun la urbo Nitro kaj la firmao Arriva, al kiuj ni elkore dankas por tia ĉi agrablaĵo.



## Taksi-servo kun speciala rabatita prezo

Se vi bezonos uzi taksi-servon dum la semajno, LKK rekomendas uzi la firmaon One Taxi Nitra, kiu iĝis la veturiga partnero de la kongreso. Por la tuta UK, kun via nomŝildo (kaj pasvorto „Esperanto“ :) vi ĝuos la prezon de nur 2 EUR por veturi tra la tuta urbo. Do notu la numerojn de la firmao: 00421 944 977 499 aŭ 00421 944 997 477.

# Gastronomiaj partneroj de la UK

Pluraj firmaoj iĝis niaj partneroj dum UK, ankaŭ kelkaj pri gastronomiaj aferoj. Jen listo de tiuj firmaoj kun adresoj, kiujn ni certe rekomendas viziti – en kelkaj vi trovos EO-menuon, en kelkaj vi ĝuos rabaton (kun via rabatkupono, kiu troviĝis en via kongresa sako):

**Čajovňa dobrých ľudí**
Pri synagoge 3
(fronte al la Sinagogo) "Teejo de bonaj homoj", por kiu vi havas rabatkuponon.

**Unicafe**
Nabrežie mladeže 85 (apud la rivero, proksime al la kongresejo, malantaŭ la libroserva konstruaĵo) – tagmanĝa menuo en Esperanto

**Tomka**
Farská 28 (proksime al la sinagogo kaj la ĉefplaco)
Familia entrepreno, kiu produktas tre kvalitan medon. Havas ankaŭ budon en nia manĝoangulo.

**Mikado**
Hollého 11 (apud la tombejo). Tre kvalita restoracio, ankaŭ hotelo. La menuo haveblas en Esperanto.

**Swagatam**
Štefanikova tr. 53/16 (piedira strato, proksime al la ĉefplaco)
Barata restoracio kun vegetara kaj vianda tagmanĝaj menuoj. La ejo havas sian budon en nia manĝo-angulo kun pluraj veganaj kaj vegetaraj manĝoj.

**Vendejaro "Centro"**
Akademická 1/A (malantaŭ la studenthejmo Bernolák)
Troviĝas manĝ-angulo kun 3 diversaj rapidmanĝejoj kaj picejo. Vi havas rabatkuponon kun 10% rabato por ili.

# Esperanto-akvo kaj Esperanto-vino dum la 101-a UK

Slovakio estas lando riĉa je akvo-fontoj (ene de Eŭropo ĝi havas post Aŭstrio duan plej grandan rezervejon de la subtera trinkebla akvo). Unu el tiuj mineralaj akvofontoj vi havos eblon gustumi ankaŭ dum ĉi-kongreso! La akvo „Korytnica" ekhavis specialan Esperanto-etikedon nur por tiu ĉi kongreso. Jen do, por refreŝiĝi dum la varmaj tagoj kaj por estingi la soifon, aĉetu kaj trinku la Esperanto-akvon! La duonlitraj boteloj estas haveblaj en la informejo kaj ankaŭ en la manĝo-angulo ĉe la vendistoj.
Ne nur akvon, sed ankaŭ vinon havas Slovakion tre kvalitan! Kaj ankaŭ ĉi-kaze estas unika okazo aĉeti Esperanto-vinon, speciale eldonita por tiu ĉi UK. Du el la specoj – blankan „Chardonnay" kaj ruĝan „Cabernet Sauvignon" de la fama slovaka firmao „Chateau Topoľčianky" vi havas eblon gustumi ĉi-semajne. La boteloj aĉeteblas kontraŭ prezo de 6 EUR en la informejo kaj ankaŭ en la manĝo-angulo.

## Esperanta poŝtarto

Kadre de la filatelia ekspozicio en Teatro de Andrej Bagar (centra placo / Divadlo / 25-a - 29-a de julio) estas videblaj kvar paneloj kun bildoj kaj informoj de Rita Rössler-Buckel kaj Franz-Georg Rössler. La aŭtoroj eksplikas al la vizitantoj per tekstoj kaj specimenoj, kio estas "Esperanta poŝtarto". Ili invitas kaj instigas mem fariĝi esperantista poŝtartisto.

KN 625

## Kongresi en Skotlando?

Venontjare la brita kaj skota kongreso okazos de la 19-a ĝis la 21-a de majo 2017 en Edinburgo. Ne estos kongresa kotizo por alilandanoj.

Kongresano 492 Hilary Chapman

## Kongresurba versaĵeto

Post la granda centra festo
Kun la eta nombr' ĉe Nitro
Sur l' Atlanta ten' sen vesto
Komenciĝu l' novĉapitro!

faris *Sin Kiro*

**Elŝutu la ciferecan version de Pribina!**
Fotu la jenan kodon per via poŝtelefono por elŝuti tiun ĉi kaj la aliajn numerojn de la Kongresa Kuriero.



KONGRESA KURIERO DE LA 101-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO



# Pribina




Lundo, 25 julio 2016 N-ro 3

## Invito al la Mezeŭropa Interreligia Forumo (CEIF)

Slovakia Esperanta Federacio kaj Forumo de Mondaj Religioj - Slovakio kune kun aliaj organizantoj invitas vin al la malferma aranĝo paralela de la 101-a Universala Kongreso de Esperanto „Mezeŭropa Inter-religia Forumo (CEIF) 2016“, kiu okazos lunde la 25-an de julio 2016 ekde la 9-a ĝis la 20-a horo en la koncerta salono de „Župný dom“, Župné námestie 3, Nitro.

La CEIF partoprenos esperantistoj, neesperantistoj, kredantoj kaj nekredantoj, kiuj kune diskutos en tri laborlingvoj (la slovaka, Esperanto kaj la angla) pri aktualaj temoj de la nuna mondo: paco – sekureco, migrado – integrado, malriĉeco kaj malegaleco de enspezoj, interreligia dialogo.

KN: 65

## Invito partopreni Atelieron pri multlingvismo

*mardon matene 9h30, Salono Lapenna*

Kiel konate, ĉiuj Esperanto-parolantoj estas almenaŭ dulingvaj, kaj ofte plurlingvaj. Kiel vi uzas la lingvojn, kiujn vi konas en via ĉiutaga vivo? Aparte interese, kiu(j)n lingvo(j)n vi uzas en via familio?

En kiu(j) lingvo(j) vi sentas vin plej komforta? Partoprenu la enketon en la Ateliero por havi okazon pripensi vian propran sperton en nova maniero. La esploro estas farata kadre de la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo. La datumoj estos traktitaj anonime.

Federico Gobbo

## Tri interesaj prelegoj

Hodiaŭ ekde la 9a h. okazos en la salono Škarvan kadre de la Kleriga lundo tre interesa programo, kies celo estas alproksimigi al la aŭskultantaro la historion de la slovaka lingvo kaj same ĝian nunan staton. En la bloko Lingvohistoria prezento de Slovakio okazos tri prelegoj de gravaj fakuloj: D-ino Barandovská-Frank, prof. d-ro Žigo, CSc. (Filozofia fakultato de Komenský Universitato Bratislava) kaj prof. d-ro Ondrejovič, DrSc., direktoro de la Lingvoscienca Instituto de la Slovakia Akademio de la Sciencoj Bratislava. Do, ne forgesu veni al la salono Škarvan por ekscii interesajn faktojn el la historio kaj nuntempo de la slovaka, lingvo de la gastiganta lando de UK.

## Solena inaŭguro: 49 landaj salutoj, tri honoraj membroj kaj slovaka poŝtmarko

La solena inaŭguro de la 101-a Universala kongreso de Esperanto okazis en urba sporta halo iom malcentre, sed senprobleme la kongresanoj trovis la lokon ĉu per urba ĉu per kongresa aŭtobuso. Ĉeestis eble nekutime multaj honoraj gastoj en kongreso, kiu ne okazas en ĉefurbo, inter ili ambasadoroj de Japanio, Ukrainio kaj Kenjo, vicambasadoro de Korea respubliko kaj ataŝeo de Ruslanda ambasadejo. Inter pluraj lokaj kaj naciaj gravuloj troviĝis ankaŭ la urbestro de Nitra s-ro Jozef Dvonč kaj Ján Figel’, oficiala reprezentanto de la Eŭropa Unio pri religia libereco en la mondo (ekde majo 2016). kaj eksa membro de komisiono de la Eŭropa Unio pri edukado, kulturo, sporto, junularo kaj multlingveco. Du slovakaj reprezentantoj, Figel’ kaj Štefan Rozkopál, la estro de la kanceliero de la Slovaka prezidento, faris siajn plenajn parolojn en flua Esperanto. Figel’ deziris al Esperanto-movado ”perspektivajn evoluajn tendencojn” kaj esperis, ke en mondo estu pli da vera homeco kaj solidareco.

Ankaŭ la urbestro de Nitro, kiu partoprenis ankaŭ la fermon en Lillo pasintjare, bonvenigis la kongresanojn en Nitro. Dum la inaŭguro estis ankaŭ publikigitaj la nomojn de tri novaj honoraj membroj de UEA, nome Vilmos Benczik (Hungario), Petr Chrdle (Ĉeĥio) kaj So Gilsu (Korea resp.). La prezidanto de UEA Mark Fettes festparolis (vd. la sekvan paĝon).

Post la muzika paŭzo, dum kiu eblis aŭskulti slovakajn naciajn muzikilojn kaj slovakajn kantojn, la reprezentanto de la slovaka poŝto informis, ke okaze de la kongreso aperis speciala Esperanta poŝtmarko de Slovakio, kiu aĉeteblas en speciala poŝtoficejo en la kongresejo. Fine salutis reprezentantoj de 49 landoj.

Jukka Pietiläinen

## Festparolado de prezidanto de UEA Mark Fettes en la solena inaŭguro

Estimataj honoraj gastoj, karaj kongresanoj,

El la mond' eterne militanta, jen alvenis ni denove, pacaj batalantoj. Ne mankis pruvoj en la lasta jaro, ke nia strebado estas ankoraŭ aktuala. Multegaj homoj tra la mondo suferas pro militoj, pro persekutoj, pro manko de bazaj vivrimedoj. Eĉ pli vastaj aroj suferas pro socia ekskludo, maltoleremo, maljusteco. Ni en ĉi tiu salono estas bonŝancaj – mirinde bonŝancaj. Kaj – se mi rajtas iom adapti frazon el la mondo de bildstriaj herooj – kun granda bonŝanco venas granda respondeco.

Niaj kongresoj pruvas, ke homoj povas renkontiĝi kun homoj, sen rigardo al ties etna deveno, denaska lingvo, socia klaso aŭ aliaj diferencoj. Niaj kongresoj pruvas la potencon de lingvo neŭtrale homa por transponti la barojn, kiuj dividas nin. Jes, ĉion ĉi ni spertas ĉiupaŝe kaj ĉiuminute dum la kongresa semajno. Sed Esperanto ne estis elpensita nur por doni ĝojon kaj ĝuon al tiuj kelkaj parolantoj, kiuj sukcesas trovi monon kaj tempon por vojaĝi al la kongreso. Ĝi estas rimedo por ŝanĝi la mondon.

Mi volas do iom paroli al vi pri tiu mondo kaj pri nia kontribuo al ĝi. Kaj kie pli bone komenci, ol ĉi tie en Nitro, la ĉarma kaj alloga urbo, kiu ĉi-jare gastigas nin? Antikva lulilo de la kristanismo, sidejo de potencaj reĝoj, longtempa centro de agrikulturo, pli laste nukleo de kreskanta elektronika kaj aŭto-industrio, urbo kulture riĉa kaj turisme inspira – Nitro bone montras, kiel moderna urbo povas establiĝi sur la fundamento de kompleksa pasinteco.

Ĉar vi verŝajne jam rimarkis: el kiu ajn direkto vi venis al Nitro – ĉu de nordo aŭ sudo, de oriento aŭ okcidento – vi transiris landlimojn, kulturajn limojn, lingvolimojn. Tiu ĉi bela kaj fekunda ebenaĵo, ĉe la piedo de la Okcidentaj Karpatoj, estas ankaŭ historia vojkruciĝo de civilizacioj kaj popoloj. Iam en ĉi tiu regiono la romia mondo konfrontis la ĝermanajn tribojn; la alvenintaj slavoj renkontis la frankojn de Karlo la Granda; la batalemaj hungaroj gajnis, poste ili perdis reĝlandon; la islamaj otomanoj luktis kontraŭ la kristanaj princoj; protestantaj armeoj ondis tien, katolikaj reen; la habsburga imperio ŝvelis kaj disfalis; la unuan demokratian ŝtaton de ĉeĥoj kaj slovakoj forronĝis la faŝismo; kaj dum kvardeko da jaroj post la dua mondmilito, la Fera Kurteno dividis Orientan kaj Okcidentan Eŭropon.

Estas facile fokusiĝi al tiuj dividoj kaj konfliktoj. Ili estis realaj. Multe da sango fluis ĉi tie tra la jarcentoj. Sed la vera miraklo estas tio, ke ili ne daŭris eterne. Kiam ajn iu armita forto aŭ dogma kredo desegnis limon sur la tero, aliaj fortoj – la liberigaj fortoj de ideoj, de komerco, de amikeco kaj scivolo, de arto kaj spirito – sukcesis transiri ĝin, subfosi ĝin, transformi ĝin en ion alian.

Jen rakonto pri tio.

Antaŭ longe en ĉi tiu regiono ekestis la ŝtato Granda Moravio. Temas pri la unua slava reĝlando, pri kiu ni havas dokumentajn pruvojn. Ĝia unua reganto estis Princo Mojmir la Unua; ĝia centro estis Nitro. Laŭ invito de la posteulo de Mojmir, Rastislav, en la jaro 863 venis ĉi tien la grekaj misiitoj Kirilo kaj Metodio, portante ne nur la kristanan kredon, sed ankaŭ skribsistemon, kiun ili ellaboris por la slavaj lingvoj. Pro sia konvinko, ke religiaj valoroj estu komunikataj en la lingvo de la popolo, la du fratoj devis batali kontraŭ pastroj, reĝoj, episkopoj kaj papoj. Oni povus verki epopeon pri ilia lingvopolitika odiseado, kiu daŭris ĝis la fino de iliaj vivoj.

Laŭ la kutimaj mezuroj, Kirilo kaj Metodo fine malvenkis. Iliaj disĉiploj estis forpelitaj el Moravio, rifuĝante suden al la teritorio de la bulgaroj; la romia eklezio restis ankoraŭ longtempe kroĉita al la klasikaj liturgiaj lingvoj, la hebrea, greka kaj latina. Sed tiu ŝajna malvenko tamen plantis semojn, kiuj poste kreskos en la vastan arbaron de la sud- kaj orientslavaj literaturoj, ankoraŭ hodiaŭ skribitaj en alfabetoj adaptitaj el tiu origina skribo de Kirilo kaj Metodio.

Kio laŭ mi estas rimarkinda en tiu rakonto, tio ne estas simple la disvastiĝa potenco de bone elpensita lingva inventaĵo. Malantaŭ ĝi troviĝas pli profunda ideo: ke la lingvo estas rimedo por kunigi kaj povigi ordinarajn homojn. Eĉ pli grave ol la kirila skribo mem, tiu ideo pluvivados poste en la eŭropa civilizacio. Oni retrovos ĝin ĉe la luteranoj, kiuj insistos pri la rajto de individuoj mem legi la sanktajn librojn en sia propra lingvo; oni retrovos ĝin ĉe la naciliberigaj movadoj, kiuj insistos pri la valoro de gazetoj, literaturo kaj historio verkitaj en la lingvo de la popolo; oni retrovos ĝin en la popolklerigaj movadoj de la 19-a kaj 20-a jarcentoj, kiuj rigardos vastan alfabetigon en la propra lingvo kiel bazon por demokratio. Efektive, ne eblas imagi modernan Eŭropon sen tiu ideo.

Jen, do, kion mi volas emfazi: ke en ĉi tiu sama regiono, kie okazis tra la jarcentoj batalo post sanga batalo pri la limoj de regpovo, kredo, nacieco, naskiĝis ankaŭ ideo kun potenca liberiga kaj unuiga forto. Oni ne devas akcepti la regantajn kutimojn pri lingvoj kaj komunikado; oni povas, per la homa genio, krei novajn rimedojn, novajn imagitajn komunumojn, novajn normojn de homa solidareco kaj homa libereco. Ĉar ni memoru, ke Kirilo kaj Metodio estis motivitaj de esence homfratiga ideo. Por ili, la kristanismo superis ĉiujn lokajn identecojn; sub ĝia tegmento, ĉiuj homoj estus egalaj kaj egalvaloraj.

Zamenhof, la aŭtoro de Esperanto, naskita nur okcenton da kilometroj norde de ĉi tie, heredis de sia kultura medio ne nur la kirilan skribon, sed ankaŭ tiun ĉi ideon. Ni vidas en lia verkaro kreskantan emfazon, ke la pli profunda celo de Esperanto konsistas en ĝia kapablo levi la homojn super la

limigita vidkapablo de ilia etna kaj socia identeco. Sed por li, vivanta mil jarojn post Kirilo kaj Metodio, la homfratiga rolo de unuopaj religioj estis jam pruvita nesufiĉa, same kiel la homfratiga rolo de unuopaj lingvoj. En la Deklaracio pri Homaranismo, kiu aperis en 1913, li skribis:

*Mi estas homo, kaj la tutan homaron mi rigardas kiel unu familion; la dividitecon de la homaro en diversajn reciproke malamikajn gentojn kaj gentreligiajn komunumojn mi rigardas kiel unu el la plej grandaj malfeliĉoj, kiu pli aŭ malpli frue devas malaperi kaj kies malaperon mi devas akceladi laŭ mia povo.*

*Mi vidas en ĉiu homo nur homon, kaj mi taksas ĉiun homon nur laŭ lia persona valoro kaj agoj. Ĉian ofendadon aŭ premadon de homo pro tio, ke li apartenas al alia gento, alia lingvo aŭ alia socia klaso ol mi, mi rigardas kiel barbarecon.*

En la mondo de 1913, tiuj vortoj sonis radikale. Sed nun aŭskultu tiun ĉi alian tekston, aperintan 35 jarojn poste:

*Pro tio, ke agnosko de la esenca digno kaj de la egalaj kaj nefordoneblaj rajtoj de ĉiuj membroj de la homara familio estas la fundamento de libero, justo kaj paco en la mondo,*

*Pro tio, ke malagnosko kaj malestimo de la homaj rajtoj rezultigis barbarajn agojn, kiuj forte ofendis la konsciencon de la homaro, kaj ke la efektiviĝo de tia mondo, en kiu la homoj ĝuos liberecon de parolo kaj de kredo kaj liberiĝon el timo kaj bezono, estas proklamita kiel la plej alta aspiro de ordinaraj homoj…*

Ĉu tio ne sonas zamenhofe?

*Pro tio, ke nepre necesas, se la homoj ne estu devigitaj, sen alia elektebla vojo, ribeli kontraŭ tiranismo kaj subpremo, ke la homaj rajtoj estu protektataj de la leĝo,*

*Pro tio, ke nepre necesas evoluigi amikajn rilatojn inter la nacioj,*

*Pro tio, ke la popoloj de Unuiĝintaj Nacioj en la Ĉarto reasertis sian firman kredon je la fundamentaj homaj rajtoj, je la digno kaj valoro de la homa personeco kaj je la egalaj rajtoj de viroj kaj virinoj, kaj firme decidis antaŭenigi socian progreson kaj pli altnivelan vivon en pli granda libereco…*

Per la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj, la mondo ricevis novan formulon por esprimi la valoron de ĉiu unuopa homo. Tion tamen eblis atingi nur per la trairo de tiu longa sanga vojo, kies spuroj troviĝas ankaŭ ĉi tie, en Nitro. Kaj la radikoj de la universalaj homaj rajtoj estas la radikoj ankaŭ de Esperanto – de tiu lingvo neŭtrale homa, kiu hodiaŭ kunigas nin.

Por nia kongresa temo ĉi-jare, ni elektis eksplicite kunligi du ideojn: socia justeco kaj lingva justeco. La unua estas vaste konata. Ni ĉiuj komprenas, ke diversaj homoj spertas marĝenigon kaj ekskludon en niaj nuntempaj socioj; ke fundamentaj necesaĵoj kiel loĝado, manĝaĵoj, vestoj, pura akvo, sanprizorgo kaj edukado estas malegale distribuitaj; kaj ke tiajn situaciojn oni ne ŝanĝas nur per leĝaj kaj parlamentaj decidoj, sed foje necesas ŝanĝi la strukturojn de la socio mem. La Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj, kaj aliaj parencaj deklaroj, kiel la Internacia Pakto pri Civilaj kaj Politikaj Rajtoj kaj la Internacia Pakto pri Ekonomiaj, Sociaj kaj Kulturaj Rajtoj – ambaŭ kvindekjaraj ĉi-decembre – helpas konkretigi niajn ideojn pri tio, kiel aspektu socio vere justa. Eĉ se tia socio ne estas plene realigebla, la laboro por provi realigi ĝin estas en si mem valora kaj necesa. Tio estas kerna trajto de socia justeco.

Sed la dua parto de nia temo, lingva justeco – tio estas malpli ofta koncepto. Lingvo estas tiel fundamenta parto de la strukturo de socio, ke ĝi estas ofte nevidebla, kiel akvo por fiŝo. Ni ofte ne rimarkas, kiam aliaj homoj spertas marĝenigon aŭ ekskludon pro lingvo, same kiel ni ne perceptas, kiel lingvo estas parto de tiaj esencaj sociaj servoj kiel sanprizorgo aŭ edukado. Kaj tamen provu imagi, kiel vi sentus vin, se en kliniko aŭ hospitalo neniu komprenus la lingvon, kiun vi parolas, aŭ se en lernejo la instruisto alparolus vin per lingvo al vi nekonata. Lingvo estas profunda parto de nia homeco, kaj ni ne povas senti nin plene homaj, se nia lingvo ne renkontas rekonon, respekton kaj respondon.

Tiu konstato troviĝas ĉe la bazo de la Esperanto-movado. Ni laboras por konstrui mondan socion, en kiu ĉiu homo povas plene homi, ankaŭ lingve. Eĉ se tia monda socio ne estas plene realigebla, la laboro por *provi* realigi ĝin estas en si mem valora kaj necesa. Ni konvinkiĝis, ke lingvo neŭtrale homa alportas esencan kontribuon al tiu laboro. Tio ne signifas, ke ni havas respondojn al ĉiuj demandoj. Ni solaj ne povas diri, kiel plej bone organizi niajn sociojn por realigi lingvan justecon en la sanprizorgo aŭ en lernejo, ekzemple. Sed ni insistas starigi tiujn demandojn. Ni insistas, ke lingva maljusteco ne fariĝas pli justa, se oni ignoras ĝin aŭ deklaras ĝin neatingebla. Ni insistas, ke oni povas, per la homa genio, krei novajn rimedojn por la protekto kaj povigo de la homoj, kaj ke tiuj rimedoj povas esti ankaŭ lingvaj. Ni insistas, ke nia lingvo Esperanto estas tia rimedo.

Pri la potenco de tiu rimedo mi ne bezonas konvinki vin, karaj aŭskultantoj. Vi ja kunvenis ĉi tie por sperti la unikan etoson de mondkongreso, en kiu homo renkontiĝas kun homo. Ĝuu la semajnon! Sed mi instigas vin ankaŭ pensi pri la multegaj homoj, kiuj ĉiutage spertas la mankon de lingva justeco, kiuj ĉiutage spertas la mankon de socia justeco. Se tiuj pensoj tiros vin al unu el la kunsidoj pri la kongresa temo aŭ al aliaj sesioj pri parencaj temoj, des pli bone! Niaj kongresoj devus esti ne nur distraj sed ankaŭ klerigaj; ne nur amikaj, sed ankaŭ aktivigaj. Ni havas multon por fari. Mi esperas, ke la kongresa semajno donos al vi multajn ideojn, energion kaj inspiron por tiu granda laboro.

# Novaj Aŭtoraj Duonhoroj

En la programo de la mardaj Aŭtoraj Duonhoroj (26.07.2016) aldoniĝis tri novaj renkontiĝoj. Pro prokrastiĝo de la Solena Inaŭguro ne okazis Aŭtora Renkontiĝo kun d-ro Ulrich Lins. Jen aktualigo de la listo:

**13.00 – Ulrich Lins – "La danĝera lingvo"**, plene reviziita eldono reference al fontoj konsulteblaj nur post la germana unuiĝo kaj malkomponiĝo de Sovetunio.
**16.00 – Zuzka Stožická kaj Mária Minichová – "Ĝis tien / Až tam"**, nove eldonita kolekto de scifi-rakontoj en la E-slovaka eldono, tradukita al Esperanto de la patrino de la aŭtorino.
**17.00 – Mikaelo Bronŝtejn – "Mi stelojn jungis al revenado"**.

## Senatkunsido de AIS

en salono Kalocsay ekde 13h00 ĝis la 15h00

Amri Wandel

## Publika kunveno de ateistoj

Kian sintenon havas kaj havis ateistoj rilate al la kresko de la islama loĝantaro kaj de islamo en Eŭropo kaj al la reaga kresko de islamofobio? Ĉu la kresko de la islamanaro estas minaco por sekureco kaj demokratio? Ĉu la kresko de islamofobio estas minaco por demokratio kaj paca kunvivado?

Jen la temo de la kunveno de Ateista Tutmonda Esperanto-Asocio, kiu okazos mardon je 11h00 – 11h45 en la salono Maliarik.

Anna Löwenstein, KN 447

## Limeriko post muzika paŭzo

La blovinstrumento fujaro
min ravis, kaj mankas komparo:
Ĉu ĝoja fajfilo?
Ĉu morna subtilo?
Kortuŝis min kosma sonaro.

Russ Williams KN 511

## Radioelsendoj de UK: publiko dezirata

La Movada Vidpunkto, podkasto pri la Esperanto movado elsendos ĉiun kongresan tagon tuje al la interreto. Publiko ĉeestanta estas dezirata por starigi demandojn al niaj elstaraj gastoj de la Esperanto-movado. La elsendoj estos produktataj en la radio ĉambro (vd. kongresa libro). Informiĝu pri la tempoj en http://movada-vid.punkto.info kaj ĉe la anonctabulo en la akcepteja halo.

# TAGO DE LA LERNADO

DE GVIDANTO AL KONSILANTO - *Organizita de ILEI*

La apero de pertelefonaj kursoj kaj la sukceso de tiuj lerniloj havas konsekvencojn en la kampo de instruado. La klasoĉambraj kursoj ne plu estas la nura loko, kie lernanto lernas. La scioj de la instruisto ne plu estas la nura fonto de scioj por la lernanto. Ni trapasas do gravan evoluon, ne facilan tempon, spertas defion. La diversaj prelegoj de tiu Tago helpos al ĉiuj pripensi pri la nova rolo de la instruistoj.

**PROGRAMO** (*Mardo, la 26-a de julio, 10.00-16.00*)

| | |
|---|---|
| **10.00** | Mirejo Grosjean (Svislando):<br>Bonvenigo de la prezidantino de ILEI |
| **10.10** | Prof. D-ro Duncan Charters (Usono): Enkonduko |
| **10.30** | Prof. D-rino Eva Poláková (Slovakio):<br>Slovaka eduksistemo: konciza prezento |
| **11.00** | Mirejo Grosjean (Svislando)<br>Pri puzloj kaj aliaj konstruludoj |
| **11.30** | Prof. D-ro So Gilsu (Koreio):<br>La valoro de Esperanto en nuntempa mondo |
| **12.00** | Trezoro Huang Yinbao (Ĉinio):<br>Parolu Esperanton ankaŭ kun samlandanoj |
| **12.30** | Zsófia Kóródy (Germanio):<br>Lerni kun Mo, la neelektronika muso / Prezento de nova lernprogramo kiu celas faciligi neĉeestan trejnadon de Esperanto-instruistoj kaj movadaj fakuloj |
| **13.00** | Prof. D-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA kaj prof. Mirejo Grosjean, prezidantino de ILEI: Lanĉo de la "Jaro de Lernanto" |
| **13.20** | Paŭzo |
| **13.40** | Stano Marček (Slovakio):<br>Kurso de Esperanto - aplikaĵo por telefonoj. Novaĵoj koncerne la lernolibron (al 36 lingvoj aldoniĝas: bulgara kaj latina). Nova metodika helpilo - kartludo Pekseso Esperanto per rekta metodo. |
| **14.10** | Chuck Smith (Germanio):<br>Kion Duolingo signifas por instruado de Esperanto? |
| **14.40** | D-ino Katalin Kovats (Nederlando):<br>Unuaj spertoj de la projekto Ekparolu |
| **15.10** | Mag. Maria Majerczak (Pollando):<br>EAQUALS kaj E-instruado en la Jagelona Universitato |
| **15.40** | Konkludoj, fermo |
| **16.00** | Fino (eliro el la salono) |

**Elŝutu la ciferecan version de Pribina!**

Fotu la jenan kodon per via poŝtelefono por elŝuti tiun ĉi kaj la aliajn numerojn de la Kongresa Kuriero.



KONGRESA KURIERO DE LA 101-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO



# Pribina




Mardo, 26 julio 2016 N-ro 4

## Programŝanĝoj kaj novaj programeroj

*MARDO*

**Kiel efike lerni fremdajn lingvojn**

12h00-13h30, salono Lapenna. Ripeto de sukcesa prelego de Lýdia Machová. La priskribon oni trovas en paĝo 44 de la Kongresa Libro. Ĉiuj lingvemuloj estas bonvenaj.

**Kunsido kaj filmo de Amerika Komisiono**

16h00-16h45, salono Škarvan. La Amerika Komisiono invitas vin al ĝia kongresa kunsido kaj al montrado de la dokumenta filmo “Trans la Florida Markolo” pri la vizito de grupo de usonaj esperantistoj en Kubo pasintan novembron.

*ĴAUDO*

**Kunsido de ILEI**

15h00, salono Izak.

*VENDREDO*

**Esperantologia Konferenco**

15h00-18h00, salono Kalocsay (ne plu en Lapenna, kiel anoncita en la Kongresa Libro).

**Koncerto de Kim J; Henriksen**

15h00-16h30, la salono Lapenna (ne plu en Hodler, kiel anoncita en la Kongresa Libro).

## Hodiaŭ en la aŭtomata kinejo

09h00 – La Koloro de Lakto (Ikke naken)
10h37 – La Patro
11h24 – La Matrico (Matrix)
13h41 – La Ŝranko (Le Placard)
15h08 – La Trumanspektaklo (The Truman Show)
17h00 – Vojaĝanto tra kosmo kaj jarcento
17h47 – Esperanto: Kiel Denaskulo
(Esperanto: Like a Native)

## Hodiaŭaj aŭtoraj duonhoroj

*(en la Libroservo, salono Bociort)*

10h00 – István Ertl
11h00 – Spomenka Štimec
13h00 – Ulrich Lins
14h00 – Zlatko Tišljar
15h00 – Amri Wandel
16h00 – Zuzka Stožická kaj Mária Minichová
17h00 – Mikaelo Bronŝtejn

## Esperanto-arbo



Ni invitas vin al la **solena plantado de Esperanto-arbo**, kiu okazos la 26-an de julio 2016 (marde) je la 12.00 sur herbejo antaŭ la aŭlo de Slovaka agrikultura universitato en Nitro. La arbon plantos eminentuloj de Esperanto-movado kaj honoraj gastoj.

## La Komitato de UEA elektis en granda unanimeco

La 42 komitatanoj kiuj voĉdonis hodiaŭ faris la elektojn en granda unuanimeco.

Aldone al la komitataj reviziantoj (Ans Bakker-ten Hagen kun 39 voĉoj kaj Flory Witdoeckt kun 40 voĉoj) kaj la membroj de la Komisiono pri Statutoj de la Landaj kaj Fakaj Asocioj (Mireille Grosjean kun 38 voĉoj, Ulrich Lins kun 38 voĉoj kaj Brian Moon kun 41 voĉoj) okazis ankaŭ balotoj por la estraraj oficoj.

Mark Fettes estis reelektita kiel Prezidanto (36 voĉoj por), Stefan MacGill kiel Vicprezidanto (39 voĉoj por) kaj Martin Schäffer kiel Ĝenerala Sekretario de UEA (35 voĉoj por).

### Teatro



Teatraĵo “La konkero de la Norda poluso” marde la 26-an de julio 2016 je la 14:30 en salono Rosa Venu spekti la premieron de la esperanta traduko de la ŝerca teatraĵo pri Cimrmana verko.

Vi estos surprizita, kiu atingis la poluson kiel la unua!

Aŭtoro: Jára Cimrman, la plej granda Ĉeĥo Traduko: Vít Guiglielmo Mišurec, Vlasta Pištíková kaj Jan Šebetovský

**Senpagaj (sed en limigita kvanto) biletoj por la teatraĵoj haveblas ĉe la informejo.**

# Salutparolo de Ján Figel'

***speciala ambasadoro de la Eŭropa Unio pri religia libereco en la mondo, dum la solena inaŭguro***

Karaj esperantistoj,

estimataj gesinjoroj,

estas por mi honoro, ke mi rajtas saluti Vin kiel eksa komisionano de la Eŭropa Unio pri edukado, kulturo kaj multlingveco kaj nuntempe Speciala sendito de la Eŭropa Unio por religia libereco kaj bonvenigi Vin en la historia Nitro kiel partoprenantojn de la 101-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazas en Slovakio la unuan fojon en la ĝisnuna historio de la internacia Esperanto-movado.

Organizo de tiu ĉi grava Esperanta evento en Slovakio en la jaro 2016 dum la unua Prezidanteco de Slovaka Respubliko en la Konsilio de la Eŭropa Unio estas eksterordinara kaj signifa okazo por prezenti al la mondo nian junan kaj modernan landon, ĝian multlingvan kaj multkulturan karakteron kaj riĉan historion.

Esperanto ekde sia naskiĝo demonstris admirindan vivkapablon kaj fariĝis internacia lingvo, kiu uziĝas tra la tuta mondo kaj pozitive influas la disvolviĝon de amikeco kaj socia egaleco en la hodiaŭa maltrankvila mondo, kie disvastiĝas esprimoj de perforto, netoleremo, malamo kaj ekstremismo. Mi antaŭvidas, ke ankaŭ tiu ĉi kongreso en la senco de sia ĉeftemo „Socia justeco – lingva justeco“ kontribuos al la disvolviĝo de amikeco kaj reciproka interkomprenado inter la nacioj.

Mi aprezas, ke la Esperanto-movado ankaŭ dum tiu ĉi sia monda kongreso malfermiĝas al la faka kaj laika publiko de la mondo pere de paralele okazantaj fakaj aranĝoj. Mi menciu la morgaŭan Interreligian forumon en Centra Eŭropo okazontan en Nitro, en kiu esperantistoj kaj ne-esperantistoj, kredantoj kaj nekredantoj, sin dediĉos al gravaj kaj tre aktualaj temoj de la hodiaŭa evoluo, kiel ekzemple paco kaj sekureco, migrado kaj integrado, malriĉeco kaj disvolviĝo, samkiel interreligia dialogo. Mi partoprenos tiun ĉi forumon kune kun multaj el Vi.

Devizo de la eŭropa integriĝo estas "unueco en diverseco". Tio estas universala principo, kiu baziĝas sur la imago de ununura, tuthoma familio, en kiu ĉiu persono estas posedanto de egala digneco, kaj samtempe originala, aŭtentika kaj neripetebla individuo. Vivi kaj disvolvi tiun ĉi devizon en la nova jarcento signifas komprenadi, respektadi kaj disvolvadi malsamecojn – lingvajn, kulturajn, religiajn, kaj samtempe serĉadi kaj plifortigadi tion, kio estas komuna, vera, justa kaj tamen bona. Ĉar la vero estas la bazo de justeco kaj libereco. Kaj la paco estas la frukto de justeco. Ĝuste ĉe tio povas via movado kaj via lingvo ludi tre valoran rolon de faciliganto. Ankaŭ via movado kun siaj riĉaj spertoj kaj efikaj instrumentoj por homa interkompreniĝo kaj reciprokeco povas kontribui al tio, ke la jarcento de genocidoj finiĝu kaj anstataŭiĝu per jarcento de homeco. Temas pri granda, eĉ eksterordinara defio por alia evoluo en la mondo. Alia evoluo tamen postulas aliajn sintenojn, alian konduton.

Estimataj gesinjoroj, permesu al mi, ke mi deziru al Vi sukcesplenan diskutadon dum la Universala kongreso de Esperanto en Nitro. Ke ĝi kontribuu al tio, ke en la mondo estu malpli da timo kaj indiferenteco, kaj pli da vera homeco kaj respondeca solidareco. Tiajn perspektivojn kaj klopodojn ni bezonas, eĉ devas evoluigi ĝuste el dankemo pro la libereco kaj la longa periodo de paco, kiun ni en Eŭropo travivas. Kaj ankaŭ pro tio, ke por multaj homoj kaj nacioj en la mondo estas tia ĉi realaĵo hodiaŭ tre malproksima. "La mondo ŝanĝeblas!", estis ofta alvoko de ano de nemalproksima Pollando, la sankta papo Johano Paŭlo la 2-a. Pozitiva ŝanĝo necesigas kuraĝon kaj aŭdacan agadon. Mi deziras al Vi kuraĝon kaj aŭdacon, al Via nitra kongreso bonajn rezultojn kaj al la tuta Esperanta movado perspektivajn, evoluajn tendencojn!

Mi dankas al Vi pro via atento kaj deziras al Vi ĉion bonan.

# Salutparolo de Štefan Rozkopál

***estro de la Oficejo de la prezidento de Slovakio***

Estimataj partoprenantoj de la 101-a Universala Kongreso de Esperanto, karaj amikoj!

Permesu al mi, unuavice bonvenigi vin ĉiujn en la nomo de la prezidento de Slovakia respubliko, sinjoro Andrej Kiska, en Slovakio kaj samtempe en unu el niaj plej signifplenaj historiaj urboj – en Nitra, en la urbo, kiu staris ĉe la unuaj politikaj provoj de niaj antaŭuloj, en la pli vasta senco de tiu ĉi vorto, pri propra lingvo kaj per tio ankaŭ pri propra kulturo; kaj el tiuj ĉi unuaj provoj ni ja ĉerpas ĝis nun.

Pro tio mi nemezureble ĝojas, ke ĝuste tie ĉi, en Nitra, komenciĝas io nova – la nova jarcento de Universalaj Kongresoj de Esperanto, lingvo, hodiaŭ ankaŭ vivkapabla portanto de vivaj kaj dinamikaj kulturaj manifestaĵoj de la homoj en la tuta mondo; lingvo de interkompreniĝo, lingvo de la paco, kiu malfermiĝas ne nur al pli vasta publiko, sed ankaŭ al la influoj de ĉiutagaĵoj kaj grandaj historiaj eventoj, kiujn ni travivas kaj tutcerte ankaŭ travivos.

Ĉar nekonsiderante tion, de kie ĉiu el ni devenas, ni estas socio dependa de interkompreniĝo. Kaj preskaŭ ĉiu el kaj malgrandaj kaj grandaj aferoj, per kiuj ni vivas, havas sian lingvan realigon, respegulon en la lingvo, kiu estas nia gepatra, aŭ fremda, per kiuj ni lernas nomi la aĵojn en nia eno kaj ĉirkaŭ ni.

Hodiaŭ tamen al mi ŝajnas, ke ni por egalaj aferoj uzas egalajn vortojn – sed ĉiam pli ofte kun alia signifo. Tio estus en ordo, se tiu ĉi diferenco ne estus iam abisma, se ĝi nin unu de la alia, unuopulojn aŭ la tutajn komunumojn, konscie ne malproksimigadis. Se ĝi ne estus ilo de potenca kaj iam-tiam superflua idelogia batalo.

Pro tio ĉio, kio helpas al ni pli bone kompreni iu la alian, pli bone kompreni la signifon de tio, kion ni havas komunan, tion ni simple tre bezonas. Por ke ni kapablu kontraŭstari al la artefaritaj baroj inter ni, inter nacioj kaj ŝtatoj. Por tio mi tre deziras, ke tiu ĉi kongreso fariĝu forta impulso por ĉiam forta sento kaj kompreno de tio, kion ni havas komunan kaj kio nin kunligas.

# Slovaka gazetaro pri UK

Jam vendrede, antaŭ la kongreso, eldonis la Gazetara Agentejo de Slovaka Respubliko raporton "En monda kongreso de Esperanto en Nitro renkontiĝos 60 landoj". Ĝi citas la LKK-prezidanton Peter Baláž kaj la urbestron Jozef Dvonč kaj invitas al la publika programo kaj la akompanaj aranĝoj

**Dum julio Centro estos tutmonda** – tiel titoloĝas artikolo en la informilo Centro Nitra. Oni klarigas ke Esperanto estas lingvo, kiu celas interkomprenigi diversajn popolojn sen lingva diskriminacio, ĉar ĝi apartenas al neniu popolo, sekve apartenas al ĉiuj. Kiel regula lingvo ĝi lerniĝas kiel amuzilo, ne kiel peza laboro.

**Ĉu Esperanto anstataŭigos la anglan? En kongreso en Nitra esperantistoj okupiĝos pri solvo de lingva justeco** anoncas artikolo de la gazeto *Ženy v mieste* (Virinoj en la urbo). Esperanto estas la plej facila lingvo, kiun vi povas lerni dum tri monatoj, sentalentuloj dum ses. Poste vi pli facile lernos ankaŭ aliajn lingvojn. S-ino Lýdie Machová komencis lerni Esperanto pro scivolemo. Ŝi lernis ĝin dum monato ka jen la kongreso ŝi prelegos unu horon pri lingvoj. Samloke science pri Esperanto informis slovakino Eva Poláková, pri ĝiaj lingvistikaj trajtoj kaj pri familia uzo informis Věra Barandovská-Frank kaj sinjoro Vladimír Rataj el la Slovaka agrikultura universitato rememoras pri Esperanto-tendaroj dum sia junaĝo.

**Aktualne.sk** alportas interparolon kun la prezidantino de la slovaka Esperanto-junularo Zuzana Kožuchová. Ankaŭ ŝi parolas pri facileco de Esperanto, sed aldonas, ke ekzistas ankaŭ literaturo, teatro, kantoj, filmo kun esperantlingvaj subtitoloj. Turistoj ne bezonas iri al hoteloj, ĉar ili trovas loĝadon ĉe esperantistaj amikoj. Intereson pri Esperanto dokumentas Duolingo kun 426 000 da kursanoj.

*Moja Nitra* (Mia Nitro) raportas pri gazetara konferenco okaze de la 102-a UK. Peter Baláž klarigis, ke la unuan fojon okazas universala kongreso de Esperanto en Slovakio. Kaj kvankam Nitra estas malgranda urbo kompare kun aliaj, historie ĝi estas grava, ĉar en ĝi komenciĝis historio de slovakio kaj de la slovaka skribo. Atendataj estas pli ol mil homoj, estos koncertoj, teatro, diversaj metiejoj kaj prelegoj.

Krome, la anglalingva gazeto celanta ĉefe eksterlandanojn vivantajn en Slovakio, The Slovak Spectator, reklamis la kongreson en la angla lingvo per artikolo titolita "Monda Esperanto-Kongreso Nitro antaŭvidas 1400 vizitantojn el 60 landoj".

Dimanĉe la Gazetara Agentejo de Slovaka Respubliko aperigis duan amaskomunikilon, kies titolo "Esperanto famigis Reklamon al silento tra la tuta mondo" aludas pri la fama slovaka muzikgrupo Team, kies manaĝero dum jardeko estis slovaka esperantisto Stano Marček kaj kiu unuafoje internacie famiĝis kun Esperantigitaj tekstoj dum la UK 1989 en Brajtono. La artikolo tuŝas la historion de Esperanto en Slovakio kaj ĝian hodiaŭan uzon kaj raportas detale pri la speciala poŝtmarko kaj rilataj poŝtaj produktoj eldonitaj tiutage de la Slovakia Poŝto okaze de la kongreso.

# Nefumantoj atentis pri danĝeroj de fumado

TADEN havis ne nur standon en la Movada Foiro, dividitan kun LIBE (vidhandikapitoj), sed ankaŭ jam dimanĉe kunvenis en Izák.

Ĉeestis membroj el Ĉeĥio, Germanio, Italio kaj Nederlando por eta jubileo, ĉar antaŭ 20 jaroj nia ”Agado” en la praga UK fariĝis ”Tutmonda Asocio de Esperantistaj Nefumantoj”.

La relativa apudeco ebligas al nia pioniro Jiři Rado partopreni. Ankaŭ lia kunfondinto Barr Ruigrok el Nederlando donis vivosignon.

La ĉeestas germana instruisto sciigis ke malkreskis la fumado inter la lernantoj. Evidente la publika sinteno komencas ŝanĝiĝi.

En la disdonita numero 1 de ”Puraj Pulmoj ĉi-jara la vizaĝlibra adreso bezonas kompletigon: www.facebook.com/jan.bemelmans

Cetere ni atentigis pri grava scienca esploro en Nederlando laŭ kiu la jara kosto de fumado perdigas al nederlandanoj po 2 000 €. En longa listo da kanceroj kaŭzataj de fumado troviĝas pluraj laŭ freŝdataj konstatoj: hepato kaj eĉ mamoj suferas. Ĉi-lasta malkovro kontrastas kun antaŭaj asertoj pri senrilateco. Nun evidentiĝis, ke unu el 9 kazoj rezultas el fumado. Temas pri 1200 viktimoj jare nur en Nederlando.

Nefumantoj meznombre valorigs sian staton per 88 el 100 poentoj, fumantoj klare malpli 77.

Plej ŝokis ke daŭre i.a. en sudaj usonaj ŝtatoj infanoj estas ekspluataj en tabakplantejoj kaj ke tutmonde ”pasivaj” fumantoj viktimiĝas: 600 000, kompare kun 6 milionoj da fumantoj. Fine nia itala membro konsilis estonte inviti fumantojn al la kunvenoj de TADEN.

Raportis Rob Moerbeek, kn 41.

# Raporto pri kunsido de LSG

Dimanĉe okazis kunsido de Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj (LSG). La ĉeestantoj priparolis la nunan situacion en la Ligo, precipe la eldonadon de ĝia revuo “Forumo”. Bedaŭrinde, ĉi-jare ne okazos la kutima akcepto ĉe loka GLAT-organizaĵo, ĉar tia ne ekzistas en Nitro. La liganoj invitas por renkontiĝi ĉe biero, komuna ekiro al drinkejo okazos mardon, la 26-an de julio je 20h00 de antaŭ la ĉefa enirejo de la kongresejo.

Paweł Fischer-Kotowski, KN 142

# Internacia Jurista Esperanto-Asocio

Dimanĉe, la 24an, okazis la Ĝenerala jarkunsido de Esperanta Jura Asocio (EJA), kies tagordon parte konsistigis gravaj eroj. Interalie estis tie diskutita kaj aprobita projekto de nova statuto de EJA.

Ĉi-projekto, redaktita de la prezidanto de EJA, estis poste kelkpunkte modifita pere de reta dialogo inter la prezidanto kaj la eksa prezidantino (nuna sekretariino) Doktorino Rafaela Urueña kaj krome stile polurita de la parnasano Gonçalo Neves.

La statuto estis aprobita kun kelkaj modifoj. La plej gravaj

modifoj koncernas la celaron (ekz.: kiomeble perfektigi la juran terminologion en Esperanto; profundigi kaj disvastigi la konon kaj konscion pri la enhavo kaj signifo de lingva demokratio, ankaŭ rilate al indiĝenaj, malfavorataj kaj minoritataj lingvoj; fortikigi la pliligitecon inter la Asocio kaj aliaj internaciaj kaj naciaj juraj aŭ juristaj asocioj kaj similaj estaĵoj) kaj koncernas la membraran amplekson kaj kotizreĝimon.

La prezidanto, advokato Miguel Faria de Bastos (KN 133), opiniis la novan statuton "revoluciiva".

La nomo de la Asocio laŭstatute iĝis de nun Internacia Jurista Esperanto-Asocio (IJEA).

Ene de la tagordo, estis ankaŭ aprobita propono aljuĝanta la statuson de honoraj prezidantoj de IJEA al la eksaj UEA-prezidantoj kaj eksaj EIA/IJEA prezidantoj Ivo Lapenna kaj Keppel Enderby.

## Tajĝiĉuano

Lunde 15 interesitoj sekvis prezneton de Matti Lahtinen (kn 423, ultmar@suomi24.fi) pri la ĝenerala sistemo por lukto, sano, kaj harmonio de korpo kaj menso.

Estos matenaj ekzercoj je la 7-a matene antaŭ la konstruaĵo Bernolák.

## Esperanto-kurso ĉe Duolingo

Pri Esperanto-kurso ĉe Duolingo prelegis ĝia kreinto Chuck Smith. Ĉiutage aliĝas mil personoj, el kiuj tridek sukcese finas la kurson. La kurso estas anonima, tial ne eblas diri, kiuj konktretaj kursanoj estas el konkreta lando. Tamen oni scias, ke la kurso plej furoras en Usono inter 18-25-jaruloj, kiuj ne ŝatas klubojn kaj asociojn, sed kreas mem retajn strukturojn kaj komunumojn. Ekzemple en diskutejo Telegramo estas 750 esperantistoj, plejparte el Duolingo, kiuj tie kreis propran komunumon. Tamen ankaŭ UEA klopodas interesigi la kursfinintojn per diversaj proponoj. Oni kalkulas ankaŭ kun versioj en aliaj mondlingvoj. Estas jam preskaŭ preta la hsipana versio, oni planas rusan, ĉinan, francan, germanan.

---

## Bronŝtejn – Handzlik: dubarda programo

*Marde la 26-an de julio je 15h00, salono Lapenna*

Pasintsomere en Lille vagadis senokupe du bardoj – unu sen barbo, la dua – kun tiu.

Kaj venis al ili komuna opinio, ke la barda kanto estas maljuste preteratentita en la programo de UK-oj. Kaj vens al ili komuna decido: prezenti la ĉarmon de la bardaj kantoj en Nitro.

Di, ni invitas vin al la unika duhora koncerto. Venu por ĝui la kantojn – prudentajn kaj ŝercajn, lirikajn kaj moketajn. Certe, la bardlanta etoso plaĉos al vi.

## Publika kunveno de Eo-ligo Filatelista

Amika Rondo de Esperantaĵ-kolektantoj invitas ĉeesti la kunvenon de ELF-AREK, mardon, je la 11-a/12h30 en salono ZVARA.

## Novaj Aliĝintoj

| | | |
|---|---|---|
| 1222 | S-ino Ema Dunai | Serbio |
| 1223 | S-ro Laslo Dunai | Serbio |
| 1224 | S-ro Lajos Gothard | Usono |
| 1225 | S-ino Cornelia Kaiser | Aŭstrio |
| 1226 | S-ro Filip Šeatović | Kroatio |
| 1227 | S-ino Laura Šeatović | Kroatio |
| 1228 | S-ro Simon Hallinan | Aŭstralio |
| 1229 | S-ro Mirosław Dziedzic | Pollando |
| 1230 | S-ro Serhij Prudko | Ukrainio |
| 1231 | S-ro Ulrich Wilke | Germanio |
| 1232 | S-ro Adrien Meslet | Francio |
| 1233 | S-ro Luiz Fernando Puhl | Brazilo |
| 1234 | S-ino Sara Konnerth | Rumanio |
| 1235 | S-ro Shahid Rashid | Britio |
| 1236 | S-ino Okada Fumiko | Japanio |
| 1237 | S-ino Norina Florineth | Aŭstrio |
| 1238 | S-ro Leszek Czerwiński | Hungario |
| 1239 | S-ro Henriksen Toke | Danlando |
| 1240 | S-ro Saito Yoshinori | Japanio |
| 1241 | S-ino Aleksandra Watanuki | Japanio |
| 1242 | S-ro Sándor Mészáros | Hungario |
| 1243 | S-ro Aivars Kalniņš | Latvio |
| 1244 | S-ro Renato Guedes Filho | Brazilo |
| 1245 | S-ino Sylwia Pöhlmann | Germanio |
| 1246 | S-ro Edward Kozyra | Pollando |
| 1247 | S-ino Stanisława Zielak | Pollando |
| 1248 | S-ro Xose' Lourenzo Vidal | Hispanio |
| 1249 | S-ro Seyed Amir Mirjavadi | Irano |
| 1250 | S-ro Pedro Paulo Freitas | Brazilo |

## Ekspocizio de pentraĵoj

Ni malfermis novan ekspozicion de pentraĵoj en la koridoro de UK centro. En la urbo Tata (Hungario) fondiĝis Esperantista Pentroista Grupo, kiu pentris pri urboj Nitra kaj Tata.

Elizabeta Ködmön, KN 804

## Limeriko post alveno

Megeroj en hejmo studenta
sen ajna helpemo klienta
kriaĉas kolere
dum horo vespere
pro sia malico turmenta.

Russ Williams, KN 511

**Elŝutu la ciferecan version de Pribina!**

Fotu la jenan kodon per via poŝtelefono por elŝuti tiun ĉi kaj la aliajn numerojn de la Kongresa Kuriero.





KONGRESA KURIERO DE LA 101-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Pribina




Ĵaŭdo, 28 julio 2016 N-ro 5

## Programŝanĝoj kaj novaj programeroj

***ĴAŬDO***

**Psikologio - (Inter)kompreno kaj Komunikado**

14h00-15h00, salono Němec

En scienca psikologio ekzistas multe da kono, kiun vi povas uzi por plibonigi vian vivon kaj viajn projektojn. Tamen tiu kono ofte ne estas konata, aŭ ne uzata. Ĉi-tiu prelego temas pri la integrado de psikologio en via persona vivo, socio kaj projektoj.

**Kunlaboro inter Esperantocentroj**

15h00, salono Izák. Interesiĝantoj pri kunlaboro inter Esperantocentroj kolektiĝos ĉe la salono Izák, kiel origine anoncite en la kongresa libro. Ni interkonsentos ĉu kunveni pri la centroj en Izák kun ILEI aŭ ĉu iri komune al alia loko.

***VENDREDO***

**Afrika Kunveno**

12h30-13h15, salono Dolinský

**Ateliero pri multlingvismo**

13h00-14h00, salono Kalocsay. Por permesi al ĉiuj homoj, kiuj volis partopreni, sed pro ia kaŭzo ne sukcesis, la Ateliero pri Multlingvismo inter Esperantistoj reokazos. Homoj, kiuj jam partoprenis, bonvolu ne malkaŝi la funkciadon de la Ateliero!

**Kongresa Temo 4**

16h00, salono Maliarik (ne plu en salono Dolinský, kiel anoncite)

**Prelego pri Gravitaj Ondoj**

16h00, salono Dolinský (ne plu en salono Maliarik, kiel anoncite)

**Kultura Esperanto-Festivalo**

Ties unua kunsido okazos en la manĝangulo malantaû la kongresa informejo je la 16.30, tuj post la koncerto de Kimo. Ĉiu interesato estas bonvena!

## Esperanto-arbo plantita

Solena plantado de Esperanto-arbo okazis la 26-an de julio 2016 antaŭ la aŭlo de Slovaka agrikultura universitato en Nitro. La arbon plantis partoprenantoj kaj gastoj de la 101-a Universala kongreso de Esperanto: vicurbestro Ján Vančo, vicrektoro de SAU Ján Gaduš, direktorino de Botanika ĝardeno Erika Mňahončáková, prezidanto de UEA Mark Fettes kaj prezidanto de LKK Peter Baláž. La Esperanto-arbo estas Etfolia tilio (Tilia cordata), kiu estis aĉetita dank´ al financa kolekto de esperantistoj-vojaĝantoj.

J. Vajs, KN 69



**FEROA DANCO**

okazos subarbe en la MANĜANGULO malantaŭ la kongresa informejo ĴAŬDE je la 14a horo kaj VENDREDE je la 17/a horo.

M. Strid, K.N. 1220.

**Revena transporto al la Viena flughaveno en sabato**

La transporto por la reveno al la viena flughaveno (VIE) okazos en sabato, 30-a de julio, je la 14h00, de la parkejo antaŭ la konstruaĵo Bernolák. Kaze de malmulta interesiĝo la servo estos nuligita, do, rapidu rezervi vian lokon.

Post forlasi la pasaĝerojn en la flughaveno la buso pluiros al la fervoja stacio Hauptbahnhof en Vieno.

Prezo: 22 EUR (por persono) - Bv. rezervi la lokon ĉe la Ekskursa Giĉeto.

Eblas vojaĝi al Vieno ankaŭ per normala aŭtobuso kun ŝanĝo en Bratislavo. Aŭtobusoj el busstacio de Nitro ekiras ekzemple je 13.15, 14.15 kaj 15.15 kaj vojaĝo al Bratislavo daŭros unu horojn kaj 15 minutojn. El Bratislavo la aŭtobusoj al Viena flughaveno kaj Vieno ekiras ekzemple je 14.30, 15.00, 15.30, 16.00 kaj 16.20 (el la sama busstacio, kien alvenas busoj el Nitro). El Bratislavo al Viena flughaveno vojaĝo daŭras unu horon. Konsultu https://www.busbud.com pri prezoj.

# Salutparolado al la Mezeŭropa Forumo Interreligia

Kiel iama prezidanto de Universala Esperanto-Asocio, kaj nome de la nuna prezidanto, d-ro Mark Fettes, mi alportas al vi hodiaŭ la salutojn de nia 101-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu disvolviĝas samtempe kun tiu ĉi forumo kaj en kunlaboro kun ĝi.

Estas aparte taŭge, ke ĝuste nun kaj ĝuste ĉi tie okazu tiu ĉi forumo. La kreinto de la internacia lingvo Esperanto, Lazar Ludwik Zamenhof, kreis tiun lingvon por ebligi la internacian interlingvan komunikadon en epoko de enormaj intelektaj kaj teknologiaj ŝanĝoj fine de la 19-a jarcento. Ĝi kaj ĝiaj adeptoj kontribuis al la paca kaj konstrua debato pri tiuj ŝanĝoj – sed tiuj kontribuoj neniel sufiĉis por malhelpi la kolapson de tiuj aspiroj en la mizera kaj sangoplena katastrofo de la Dua Mondmilito.

Sed ni plenumis nur parton de la Zamenhofa vizio. Zamenhof emfazis ne nur la kapablon interkompreniĝi, sed ankau la deziron interkompreniĝi. Por li, Esperanto estis esence nur perilo de la kompreniĝo: ĉe la unuaj adeptoj restis la defio uzi Esperanton por trovi la komunajn elementojn inter la homoj, ĉefe la komunajn elementojn plej profundajn – en iliaj kredoj kaj religioj. La esperantistoj tutmondigis la lingvon, sed ili ne sukcesis tutmondigi la plej profundajn esperojn de Zamenhof.

Kiel krei en nia dividita mondo la deziron interkompreniĝi? Por fari tion necesas ne nur mem kredi, sed ankaŭ kompreni kiel aliaj kredas, kaj trovi la komunajn elementojn, kiuj ebligos plene internacian, plene tutmondan senton de karitato, kompato kaj la deziro kunlabori.

Ni frontas krizon de kunlaboro en la nova epoko de enormaj ŝanĝoj, en la epoko, kiam la sumo de homaj atingoj pligrandiĝas, sed ankaŭ la sumo de homa mizero, kaj kiam la konkero de la naturo riskas detrui tiun naturon, de kiu nia vivo kaj tiu de ĉiuj aliaj estaĵoj, dependas. Ne sufiĉas atenti pri la atingoj: necesas ankaŭ atenti pri tiu mizero, kie ajn ĝi okazas, ĉar sen tiu atento ni detruos ankaŭ niajn grandegajn atingojn, kaj sen tiu atento ni perdos la homan spiriton, kiu devas esti nia ĉefa motivigo.

En tiu laboro ni estas aliancanoj. Nia Asocio aparte subtenas la Celojn por Daŭripova Evoluigo, kiujn lanĉis Unuiĝintaj Nacioj; vi laboras por la daŭripovo de la homa spirito. Se Zamenhof ĉeestus hodiaŭ, li certe estus inter viaj plej fortaj kunlaborantoj. Mi deziras al vi ĉiun sukceson en tiu ĉi via iniciato.

Mi kaptas la okazon inviti vin viziti nian kongreson ĉi tie en Nitro. Ĝi daŭras la tutan semajnon. Ni volonte montrus al vi la laboron, kiun ni faras en tute apuda kampo – en ambaŭ sencoj de tiu vorto.

Humphrey Tonkin

*Nitro, la 25-an de julio 2016*

---

# Rezultoj de Belartaj Konkursoj de UEA en 2016

**BRANĈO POEZIO**

Unua premio al Antonio Valén, Hispanio pro “Paralele”

Dua premio al Benoît Philippe, Germanio pro “Mathias”

Tria premio al Aleksandro Mitin, Rusio pro “Agemaj homoj kuras al sukceso”

Honora mencio al Valentin Melnikov, Rusio pro “Ironiaj hajkoj”

Juĝkomisiono: Anja Karkiainen, Gerrit Berveling, Giulio Cappa

Partoprenis 39 verkoj de 18 aŭtoroj el 15 landoj

**BRANĈO PROZO**

Unua premio al Jesper Lykke Jacobsen, Francio pro “La paradiza turo”

Dua premio al Lenke Szász-Praid, Rumanio pro “La heliko kaj la lacerto”

Tria premio al Ewa Grochowska, Francio pro “Malbenitaj skaraboj”

Tria premio al Amir Naor, Israelo pro “Anĝela”

Honora mencio al Steven D. Brewer, Usono pro “Krepusko sub fago”

Juĝkomisiono: Ĵak Le Puil, Eliza Kehlet, Tim Westover

Partoprenis 25 verkoj de 18 aŭtoroj el 12 landoj

**BRANĈO TEATRAĴO**

Unua premio ne aljuĝita

Dua premio al Amir Naor, Israelo, pro “La situacio”

Tria premio ne aljuĝita

Honora mencio al Raffaele del Re, Italio pro “Teleskopoj ne funkcias”

Juĝkomisiono: Wera Blanke, Paul Gubbins, Giuliano Turone

Patroprenis 3 verkoj de 3 aŭtoroj el 3 landoj

**BRANĈO ESEO**

Unua premio – premio Luigi Minnaja - al Rafael Henrique Zerbetto, Brazilo pro “La influo de Esperanto en la verkaro de Joao Guimaraes Rosa”

Dua premio al Jorge Camacho Cordón, Hispanio pro “La vartisto de vortoj”

Tria premio al Jesus Moinhos Pardavila, Galegio pro “La arkitekturo de deziro en la verkoj de Tarkony”

Honora mencio al Jesus Moinhos Pardavila, Galegio pro “Poŝtkarto el la genra tranĉeo: kio okazis al niaj verkistinoj?”

Juĝkomisiono: Detlev Blanke, Gotoo Hitoshi, Giridhar Rao

Partoprenis 7 verkoj de 6 aŭtoroj el 5 landoj

**INFANLIBRO DE LA JARO**

Eldonejo Bjelovara E-Societo pro “La trajno en la neĝo”

Juĝkomisiono:Edmund Grimley Evans, Kitagawa Hisasi, James Rezende Piton

Partoprenis 4 verkoj de 4 eldonejoj el 4 landoj

# Sukcesa starto por IKU/AIS kaj gravaj informoj por la sekvo

La plej riĉa scienca programo komenciĝis, kun bona partpreno en la unuaj IKU-prelegoj. Aparte estis popularaj la prelegoj pri Astrobiologio (Wandel) kaj Silka Vojo (So) kun ĉ. cent aŭskultantoj. En la Scienca Kafejo okazis kvar prelegoj pri interesaj kaj tre variaj temoj (la kvina prelego de Astori ne okazis).

Por ĵaŭdo kaj vendredo estas kelkaj anoncoj:

Jaŭde (11-13) fine de la du lastaj prelegoj de la IKU/AIS kursoj de Alcalde kaj Wandel okazos facilaj kaj mallongaj ekzamenetoj en kiuj ĉiuj partoprenantoj estas invitataj partopreni, por taksi sian komprenon kaj ne malpli grave - la sukceson de la preleganto komprenigi la materialon. Ĉiuj kiuj partoprenos en la ekzamenoj ricevos AIS-atestojn dum la publika disdonado kadre de la Scienca Forumo, vendrede 13-14:30.

En la Scienca Forumo oni ankaŭ okazigos publikan debaton pri la estonto de la scienca agado en Esperanto, i.a pri estonta kunlaboro inter AIS, ISAE, UEA kaj STEB, oni informos pri la grandaj ŝanĝoj en la agado de AIS, deciditaj dum ĝia senatkunsido en lundo, kaj disdonos la Premion Pirlot por la plej bonaj sciencaj verkoj en 2010-2015 en kvar branĉoj.

Vendrede (16-17) okazos la publika popularnivela prelego pri la lastatempa epokfara malkovro de gravitaj ondoj, sed en la salono DOLINSKÝ kaj ne kiel aperas en la Kongresa Libro. Ĝi havos tradukon en la slovakan por la ne-esperantistaj gastoj. Se vi konas slovakjn potencialajn interiŝantojn, bv. disinformi.

Amri Wandel, KN 452

# Kiel plej efike lerni lingvojn?

En sia ripeta prezentado (pro la manko de lokoj en salono dum la unua prezento) Lýdia Machová (Slovakio) prezentis sian metodon lerni lingvojn, per kiuj ŝi jam lernis dekon de lingvoj.

Ŝi prezentis kvar principojn por lingvolernado. Unue, necesas amuziĝi por lerni la lingvon. Necesas fari amuzajn aferojn ekzemple aŭskulti podkastojn aŭ legi pri temoj, kiuj interesas la lernanton.

Due, necesas multe da kvanto por lerni, do multe da tempo. La lernanto devas multege praktiki la lingvon, aŭskulti la lingvon kaj se li aŭ ŝi volas lerni paroli, necesas praktiki paroladon. Bezonatas multaj horoj ĉiusemajne.

Trie, la ofteco de lernado gravas. Pli bone estas lerni iomete ĉiutage ol dum pluraj horoj unufoje semajne. Eblas lerni lingvon, ekzemple dum kurado aŭ kuirado aŭskultante surbendigaĵojn el sia telefono per la lernata lingvo.

Kvare, necesas lerni sisteme, do uzi multe da tempo kaj ne seniluziiĝi, kiam aperos malfacilaĵoj. Por transpasi la limon al flua parolo necesas lerni plu post la komencanta nivelo.

Utilaj por lernado estas laŭ Lýdia podkastoj, do radioprogramoj, kiuj aŭskulteblas el interreto en preferata tempo kaj ne nur tiam, kiam la elsendo okazas. Eblas instali al sia telefono aplikaĵon, per kiu eblas trovi podkastojn en diversaj lingvoj.

Ankaŭ dulingvaj libroj estas bona rimedo por lerni. Se teksto aperas paralele per lernata lingvo kaj per lingvo, kiun la lernanto jam bone konas, eblas legi rekte la tekston en lernata lingvo kaj kontroli el alilingva versio, se iu frazo aŭ vorto restas nekonata. Se ne troviĝas dulingvaj libroj kun paralelaj tekstoj, eblas uzi du librojn en diversaj lingvoj. Se lernanto legas 2-3 paĝojn tage, post kelkaj monatoj li legas libron jam per nova lingvo.

Vortprovizo en la nova lingvo estas tre grava, kaj tion eblas kreskigi per vortlistoj laŭ metodo de Goldlist (ora listo). Laŭ tiu metodo la lernanto skribas 20 vortojn en kajero kaj laŭtlegas ilin, kaj ripetas tiujn vortojn nur post 14 tagoj, tiam la lernanto jam lernis eble 30% el vortoj, kaj tiel restas por plua lernado nur tiaj vortoj, kiuj estis malfacilaj. La dusemajna periodo estas grava, ĉar tiel la vortoj restos en longedaŭra memoro. Tamen eblas en sekva tago lerni aliajn 20 vortojn kaj tiel rapide kreskigi vortprovizon.

Se ne troviĝas parolanto de la lingvo, kun kiu eblas diskuti en propra loĝloko, eblas trovi kunparolanton per interreta servo italki.com kaj paroli rete per skajpo.

Por ne miksi lingvojn inter unu al alia, Lýdia rekomendas lerni novan lingvon per alia lingvo, ekzemple ŝi mem lernas la rusan per la pola. Ŝi ankaŭ diris, ke se ŝi komencus lerni lingvojn denove ekde la komenco, ŝi lernus Esperanton kiel la unuan fremdan lingvon. Gramatiko, laŭ ŝi estas esenca, sed necesas nur lerni tiom da gramatiko, kio estas bezonata por tiu celo, por kiu la lernanto lernas la lingvon. Oni ne devas lerni la gramatikon per gramatikaj klarigoj, sed eble nur per multaj ekzercoj. Kaj ne necesas timi erarojn, ĉar ili helpas lerni la vortojn, post unu grava eraro la ĝusta vorto restas firme en la memoro.

Ŝia konsilo al lingvolernemuloj estas ”Ne forgesu lerni lingvojn amuze, ofte, sisteme kaj multe!”

Ligoj por menciitaj lingvolernaj helpiloj:

- www.huliganov.tv/goldlist: klarigo de la metodo Ora listo (transskribo de vortlistoj en kajero)
- www.italki.com: retpaĝo por trovi lingvopartnerojn
- Podcast & Radio Addict: aplikaĵo por aŭskulti podkastojn (registraĵojn) en multaj lingvoj

Oni povas trovi pli da informoj pri Lýdia Machová ĉe www.languagementoring.com.

Jukka Pietiläinen

# La kongresa koruso kantas slovake

Por la kongreso en Nitro la aktuala dirigento de la Internacia Koruso aparte preparis pecojn kun slovaka etoso, ja ne nepre lingve, sed certe laŭ la emocioj. Kantemuloj, kiuj maltrafis la unuan ekzercadon, povas ankoraŭ aliĝi. Bv. veni al la salono Zvara ĵaŭde (14h45).

La kongreslibra anonco pri koncerto de la koruso invitas al la salono Maliarik vendrede (14h30), kie pro la salonaj cirkonstancoj pli konkrete la koruso ofertas komunan kantadon. Muzikŝatantoj sentu sin kore invititaj.

# Podkastoj kun kongresanoj

La podkasto movada-vid.punkto elsendas ĉiutage tuje diskutojn kun gravaj partoprenantoj de la UK. Ni jam elsendis diskutojn kun Mark Fettes kaj Martin Schäffer pri UEA kaj unu pri Lingvo-instruado kun Mireille Grosjean kaj Katalin Kováts.

Pliaj elsendoj estas planitaj, por kiuj ni bonvenigas aŭskultantojn en la radio-ĉambro, kiuj povas aktive partopreni la diskuton kun niaj gastoj.

La planitaj elsendoj estas:

Ĵaŭdo, 27-a de julio 15:00

Temo: UK 102 en Seulo

Gasto: Lee Young-Koo kaj Ho Song de la LKK de UK 102

Vendredo, 28-a de julio 18:45

Temo: Esperanto-kulturo

Gastoj: Anna Löwenstein kaj Chuck Smith

Ankaŭ rigardu la paĝon http://movada-vid.punkto.info por pli ĝisdataj informoj aŭ posta aŭskultado de la diskutoj.

# Minoritatoj en Slovakio

La Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL) havas la kutimon organizi fakajn prelegojn pri etnaj kaj minoritataj problemoj dum UK. Ĉijare Pr. Eva Poláková, kiu laboris en kulturcentroj romaaj kaj hungaraj, do fakulino pri la minoritataj popoloj en Slovakio, proponis sin. Dekoj da kongresanoj kolektiĝis dimanĉe posttagmeze en la salono Izak por ŝin aŭskulti. La minoritatuloj ja estas influataj de la kulturo de la plej multoj kaj ŝatas adaptiĝi kaj foje, eĉ kaŝi sian identecon, kiel faras ofte la romaoj. Kaj la hungaroj, kiuj pli bone parolas sian lingvon, preferas serĉi laboron en Hungario. Ĝis la jaro 2000 la romaoj estis bone akceptitaj, sed pro diversaj kialoj, tiu amo perdiĝis. La aŭskultantoj vigle debatis post la prelego kaj japana partoprenanto demandis, kial la eŭropanoj tiom malamas romaojn. Tre ofta senlaboreco reganta inter ili pro malapero de iliaj tradiciaj metioj certe akrigis la problemon, respondis la ĉeestanto.

Alain Favre (KN 761) kaj Nicole Margot (KN 780)

# Jubilea kunsido de kristanoj

La tradicia Ekumena Diservo okazis dum la dua kongresa tago en la preĝejo de Sanktaj Petro kaj Paŭlo.

La Diservon gvidis sacerdotoj Serhij Prudko (Ukrainio) kaj Marius Dygnys (Litovio), la prezidanto de KELI Philippe Cousson (Francio) kaj pastorino Corinna Scweiger (Germanio). Muzike akompanis Stefan Lepping, orgenoj kaj Felice Sorosina, fluto. La diservon ĉeestis ĉ. 150 kongresanoj. Post la diservo okazis la dimanĉa meso en Esperanto.

Mardon okazis la kunveno de kristanoj, kiun partoprenis kvardeko da kongresanoj. Dum la kunveno oni informis pri la kongresoj kiujn IKUE kaj KELI organizis pasintsemajne.

Estis ebleco al la kongresanoj prezenti la retejojn de IKUE kaj KELI, kaj Facebook de IKUE, sed ankaŭ la retejon de Espero katolika, kaj radio-elsendoj de Radio Vatikana en Esperanto (oficiala vatikana retejo kaj la arkivo).

La kunsido estis iasence jubilea. Nome, laŭ la disponeblaj informoj la unua komuna kunsido de IKUE kaj KELI okazis dum la UK en la jaro 2001.

Dum la semajno antaŭ UK en Slovakio kongresis kaj IKUE (en Nitra) kaj KELI (en Bratislava) kaj estis organizita komuna ekumena programo en Bratislava.

Oni planis ankaŭ dum la UK okazigi ĉiutage la mesoj en Esperanto. Bonvole la preĝejon de Staj Petro kaj Paŭlo por tio disponigis ties parohestro.

La lasta UK-meso okazis merkredon kaj ĝi samtempe estis la dank' meso pro ĉiuj bonaĵoj kiujn ni ricevis dum ĉi tiu kongreso. Pro ne disponeblo de pastro, la mesoj ne okazos dum lastaj tri tagoj de la UK.

La kongresanoj povos viziti du foto-ekspoziciojn (Papo Francisko kaj Sanktulo de la mizerikordo) en la Porpastra seminario, Pribinovo namestie 5 (survoje al la katedralo-kastelo).

Marija Belošević, KN 234

# Ateistoj debatis pri islamo

Tre sukcesa estis la publika kunveno en mardo de Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo (ATEO), en kiu partoprenis almenaŭ 65 homoj en plena salono. Ili vigle debatis la temon de la kunveno “kresko de la islama loĝantaro en Eŭropo kaj la reaga kresko de islamofobio - ĉu minacoj al demokratio?”

Prezentis la temon Nyegosh Dube, kiu montris statistike, ke la proporcio kaj plimultiĝo de islamanoj rilate al la ĝenerala loĝantaro ne estas tiom alta, kiom oni emas supozi. Eŭropanoj kutimas supertaksi tiujn ciferojn, kaj sondado dum la kunveno montris, ke ankaŭ niaj ĉeestantoj emfazis, ke estas grave distingi inter islamo kaj politika islamo. Same asertis neĉeestanta araba esperantisto loĝanta en araba lando, kies kontribuo estis laŭtlegita de Nyegosh.

Ĉu islamanoj en Eŭropo plene distancigas sin de islamismaj teror-atakoj? Pri tio ĉi la partoprenantoj havis malsamajn perceptojn. Oni komentis, ke la gazetaro ne sufiĉe atentigas pri la kondamnoj kontraŭ tiaj atakoj fare de la islama komunumo.

La ĝenerala konkludo de la kunveno estis, ke la islama loĝantaro de Eŭropo plejparte ne prezentas minacon al demokratio kaj okcidentaj valoroj, kontraste al politika islamo.

Nyegosh Dube, KN 998 kaj Anna Löwenstein, KN 447

**Elŝutu la ciferecan version de Pribina!**

Fotu la jenan kodon per via poŝtelefono por elŝuti tiun ĉi kaj la aliajn numerojn de la Kongresa Kuriero.





KONGRESA KURIERO DE LA 101-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Pribina




Vendredo, 29 julio 2016 N-ro 6

## Resume pri la kongreso

Glata organizado, tre konvena kongresejo, bonega tuturba vidigo de Esperanto kaj rekorde ampleksa parto de la kongresa programo malferma al la urba publiko.

Jen impresoj pri la 101a Universala Kongreso de Esperanto en Nitro, Slovakio.

Laŭ Estrara komuniko de UEA

## Aŭtora Duonhoro hodiaŭ

11.00 - **Katka Nosková, Petro Chrdle**

Teknika redaktado de la ĉeĥa kaj slovaka eldonoj de "Esperanto od A do Z".

## La kongresa kuriero pardonpetas

Aperis malĝusta informo pri Afrika kunsido, kiu okazis en ĵaŭdo kaj ne en vendredo kiel anoncite en hieraŭa kuriero. La redakta teamo pardonpetas pro la eraro.

Multaj kontribuaĵoj, kiuj venis por la kuriero ne povis aperi pro spacomanko. Ili eble aperos en sabata numero.

## Kongresumi en Afriko

La ĉi-jara Afrika Kongreso de Esperanto okazos en Bunda, Tanzanio, de la 24-a ĝis la 31-a de decembro 2016. Programaliĝo estas senpaga por alikontinentaj prelegontoj.

Afrika Komisiono - Kunordiganto,
Kongresa numero 777, Adjévi Adjé

## Muzika festivalo

Post publika marŝo de la kongresejo al la ĉefplaco okazos provo atingi mondan rekordon en komuna dancado de slovaka tango. Muzike akompanos slovaka grupo Slovak Tango. Sekve okazos Internacia Muzika Festivalo kun partopreno de pluraj slovakaj kaj esperantaj grupoj: Akademio de danco (dancado, 19:15-20:00), Slovak Tango (malnova slovak-ĉeĥa muziko, 20:00-20:30), Vranky kaj Ponitran (folkloro, 20:45-21:15), Kaŝi (pianakompana kantado, 21:30-22:00), Sematam (funka popo, 22:15-22:45), Kim j: Henriksen kun gasto Martin Wiese (skao ĝis pop-roko, 23:00-23:30) kaj fine Asorti (kontrea roko, 23:45-00:15).

## Komuna Malfermo de la Jaro de la Lernanto

Tiu jaro okazos de julio 2016 ĝis julio 2017 kun komuna prizorgo de UEA kaj ILEI. La malfermo de la Jaro okazis en mardo, la 26an de julio, la Esperanto-Tago, kadre de la Tago de la Lernanto en la UK en Nitro. La Malfermon prizorgis la prezidantoj de UEA kaj ILEI, Mark Fettes kaj Mirejo Grosjean. Ili ambaŭ parolis pri la ideaj kaj principaj celoj pri la jaro, dum la vicprezidanto de UEA, Stefan MacGill, prezentis projekcie kvin proponojn por la celoj de la jaro, sepon da strategioj por realigi tiujn celojn, kaj dekon da sugestoj por lokaj kluboj, landaj kaj fakaj asocioj kaj E-centroj, kiel ili povos utile kontribui al la markado de la jaro. Fine de la prezento estis prezentita deko da eventoj, kie okazos aŭ povos okazi markadon de la Jaro. Tiuj ampleksas ĉiujn kvin kontinentojn. La tuto estos prezentita en la juli-aŭgusta numero de la revuo Esperanto. Pri la cetero de la Tago de lernado raportos ILEI. (Foto: Marija Belošević)



## Hodiaŭ en la Aŭtomata Kinejo

09:00 – Asteriks kaj la Vikingoj
10:21 – Seksmisio (Seksmisja)
12:23 – Starbuck
14:17 – Teranoj (The Earthlings)
15:58 – Sed mi estas huraistino
(But I'm a Cheerleader)
17:33 – Esperanto: Kiel Denaskulo
(Esperanto: Like a Native)

# El legantoj

Necesaj kondiĉoj de persona kulturo estas ke ni ne faras fotojn en operejo, teatro, en filhamonio ktp. Dum spektaklo "Tušoj je animo" en teatro A. Bagar en Nitro iuj personoj fotis aktorojn en ege intimaj monentoj. Mi hontas ke inter esperantistoj estas personoj kiuj tiel ofendeme kondutas

Świętosław Fortuna KN 98UV

# Aikido

Lunde mi travivis mirindan prezentadon de Mireille Grosjean pri Aikido. Ŝi provas enirigi esperanton en Aikido klubo. Ŝi rakontis pri la historio de tiu arto kaj pri diversaj gravuloj.

Min tre interesis la celo stabile stari, kaj pli bone koncentriĝi. Mi plej ŝatis la praktikajn ekzercojn en la parko. Mi vere spertis en mia korpo la diferencon, kiam mi koncentris mian energion. En la kutima vivo tio povos tre utili al mi !... Dankon Mireille !

KN 111

# *Time* pri Esperanto

Usona anglalingva revuo Time (Tempo), unu el plej grandaj ĉiusemajnaj novaĵrevuoj, publikigis bonan artikolon pri Esperanto en lasta numero. La artikolo troveblas rete ĉe time.com. Klaku la serĉilon kaj tajpu la vorton ”Esperanto”.

Enrique Ellenberg, KN 1146

# Rotaria klubo Esperanto

Lundon, je la 19-a horo, okazis en salono de la hotelo Mikado kunveno de la rotaria klubo Esperanto (http://www.rotaryeclubesperanto.org). La klubo komunikas rete dum tuta monato pri diversaj aktualaj temoj monate reaktualigitaj. Kiel la aliaj kluboj en la mondo la celo estas favori la pacon pere de edukaj kaj humanitaraj agadoj en multaj kampoj. Lastjare la klubo garantiis la donacon de agrikulturaj iloj al malriĉaj brazilaj junaj kamparanoj. Ĉi jare ĝi publikigos italan bildstrion kies gajno iros al la elradikado de poliomjelito en la mondo.

Joseph van der Vleugel (KN 912), prezidanto

# Filatela ekspozicio Esperanto kaj Slovakio

Nova ekspozicio estis solene malfermita marde 26-an de julio 2016 je 17:00 en Teatro Nitra, kun ĉeesto de gastoj: Ing. Ondrášek kaj Dr. Janka Švecová el Ministerio de trafiko, Mgr. Anton Števko – direktoro de Muzeo Nitra, Elda Doerfer – prezidantino de ELF-AREK, Peter Baláž – prezidanto de SKEF kaj LKK, Miroslav Ňaršík – prezidanto de Asocio de slovakaj filatelistoj kaj Doc. Igor Benca – aŭtoro de poŝtmarko kaj filatelaĵoj.

La ekspozicio intencis propagandi Esperanton al civitanoj de Nitra kaj prezenti Slovakion al partoprenantoj de UK. Krom poŝtmarkoj estis aranĝitaj ankaŭ eksponatoj de bildkartoj, poŝtkartoj, glumarkoj kaj aliaj esperantaĵoj. Eksponatojn prezentis dekkvar kolektantoj el kvin statoj.

Ekspozicio daŭros ĝis la vendredo, la 29-an de julio 2016 ĝis 18:00.

Peter Holba

# Demandoj kaj komentoj plejparte en konstrua etoso

Diversaj problemoj ĉirkaŭ la kongreso kaj novaj retaj eblecoj estis la ĉefaj demandoj kaj plendoj, ĉe la Centra Oficejo respondas. Dum tiu ĉi kongreso plej fuŝis la transporta servo el Viena flughaveno al la kongresurbo. La servo malgraŭ, ke estis interkonsentita alimaniere, portis kongresanojn al kongresejo kaj ne al aŭtobusa stacio kie eblus havi taksion por plua transporto al hoteloj.

La malfrua apero de kongresa programo en la reto (nur en lundo antaŭ la kongreso) kaj manko de programo konsultebla per poŝtelefono ĝenis kelkajn demandoantojn, dum la Kongresa Sekretario Clay Magalhaes respondis, ke la transporta servo fakte estis malprofita por UEA kaj ke la firmao kondutis per maniero, kiu ne egalis kun la interkonsento. Krome li respondis, ke por havi aplikaĵon per kiu la kongresa programo aperu en poŝtelefono, necesus aplikaĵo kiu funkcius bone. UEA plej facile povas akcepti mendojn kaj aliĝojn se temas pri pago per UEA, sed ĉar multaj ne havas monon en sia uea-konto kaj ne povas favorkoste sendi monon al Roterdamo, UEA akceptas ankaŭ aliajn pagmanierojn. Tamen ĝi ne povas uzi multe da mono laŭ maniero de aliaj vojaĝagentejoj, por kreditkartaj pagoservoj, kiuj devus esti sekuraj. Multo el la laboro en UEA estas ankoraŭ farita per papero kaj mano, ĉar mankas favorkostaj eblecoj fari tiujn aferojn rete sekure.

Krome aperis sugestoj, ke pli multaj kongresaj programeroj estu spekteblaj rete kaj ke la kongrsa libro, aŭ almenaŭ la programa parto aperu en la reto. Pri malfruo ĉe revuo Esperanto (la junia numero eble aperos dum kongresa semajno en la reto) eblis diskuti ankaŭ en posttagmeza renkontiĝo de legantoj de Esperanto.

# La movado en sud-orienta Eŭropo

Kvardek homoj venis al Dolinský pro interesiĝo pri la temo “La movado en sud-orienta Eŭropo”. Johan Derks el Serbio celis diskuton inter balkanoj, rumanoj kaj pliaj landanoj kiel restarigi kontakton inter la tieaj landaj asocioj, sed ĉeestis nur tri kongresanoj el tiu regiono.

Ivo Osibov konsilis informi kaj instigi la landajn asociojn senkonscie de la fakto, ke ekz. en Makedonujo, Serbujo kaj Grekujo ne funkcias landa asocio. La iniciatinto de la kunveno substrekis la malriĉezon de la esperantistoj, sed ankaŭ certan gradon de fatalismo post la disrompo de Jugoslavujo. Oni decidis revivigi la retdiskutliston por sudorientaj esperantistoj. Unua paŝo al regula regiona interkontaktado estas farita!

Johan Derks, KN 542

# Novaj honoraj membroj de UEA

**Vilmos BENCZIK** (Hungario) naskiĝis en 1945. Profesie li estis profesoro en altlerneja fakultato de la universitato ELTE en Budapeŝto. Li lernis E-on en 1959, aliĝis al UEA en 1966 kaj iĝis dumviva membro en 1977. Li estis komitatano de TEJO 1964-1968 kaj estrarano de Hungara E-Asocio 1965-1967 kaj 1978-1992. Li redaktis la revuon *Hungara Vivo* 1977-1982 kaj de 1976 ĝis 1990 gvidis la eldonejon de HEA, ĉe kiu aperis 138 libroj en/pri E-o en la suma kvanto de 368 mil ekz. Li estis LKK-ano de la 68-a UK en Budapeŝto en 1983, komitatano de UEA 1980-1986 kaj prezidanto de la Belartaj Konkursoj de UEA 1986-2002. Li verkis recenzojn por multaj revuoj, parte kolektitajn en *Studoj pri la Esperanta literaturo* (1980), kaj abunde artikolis kaj tradukis. Li redaktis i. a. *Libro de romanoj* (1979), *Ŝercoj, rakontoj* (1972, 2-a eld. 1974), *25 jaroj: antologio de Belartaj Konkursoj* (kun W. Auld; 1977), *La kato en la sako* (legolibro; 1978), *Baza literatura krestomatio* (1979, 3-a eld. 1986), *Hungara antologio* (1983), *Mi vizitis mian farmon* (antologio de E-literaturo en la hungara kaj E-o; 1987) kaj *Lingva arto* (jubilea libro por W. Auld kaj M. Boulton; 1999). Ekde 2001 Benczik estas membro de la Akademio de E-o.

**Petr CHRDLE** (Ĉeĥio) naskiĝis en 1946. Li diplomiĝis kiel elektroteknika inĝeniero kaj doktoriĝis ĉe Instituto pri Elektroniko kaj Radiotekniko de la Ĉeĥoslovaka Akademio de la Sciencoj. Chrdle estis estrarano de Ĉeĥa E-Asocio 1987-2011, i.a. prezidanto 1987-1993, kaj fariĝis ĝia honora membro en 2008. Rajtigita ekzamenanto de UEA/ILEI, li verkis kun sia edzino Stanislava (1954-2000) la lernolibrojn *Esperantem za tři měsíce* ("Per E-o dum tri monatoj"; 1995, 3-a eld. 2006) kaj *Esperanto od A do Z* (“E-o de A ĝis Z”; 2016). Li verkis *Profesia uzo de Esperanto kaj ĝiaj specifaj trajtoj* (1995; 3-a eld. 2013) kaj redaktis i.a. la prelegarojn *La stato kaj estonteco de la internacia lingvo Esperanto* (1995) kaj *Intimaj temoj en la Esperanto-beletro* (2005). Docento de AIS, li oficis kiel ĝia senata sekretario 1990-1994. Li estis komitatano de UEA 1987-2010 kaj estrarano pri faka kaj scienca agadoj 1998-2001. En 1992 li fondis la kongresan kaj klerigan agentejon-eldonejon KAVA-PECH, sub kies ŝildo li fariĝis unu el la plej gravaj nuntempaj E-eldonistoj. Li eldonis pli ol 170 titolojn, i.a. tri en la Serio “Oriento-Okcidento”, kaj eĉ pli grandan nombron por klientoj en- kaj eksterlande. Li organizis ankaŭ ses Konferencojn pri Apliko de E-o en Scienco kaj Tekniko (KAEST; 1998-2008).

**SO Gilsu** (Korea Resp.) naskiĝis en 1944. Li doktoriĝis en 1979 kaj ekde tiu jaro estis profesoro pri ekonomiko en la Universitato Sokyong en Seulo. Li estis ankaŭ direktoro de la Korea Asocio pri Ekonomia Historio kaj prezidanto de la Instituto pri la Historio de Kogurjo. Li lernis E-on en 1966 kaj unue aktivis en la junulara movado, i.a. kiel prezidanto de Korea E-Junularo. Li estis sekciestro de ILEI en Koreio kaj vicprezidanto de Korea E-Asocio. En UEA li membriĝis en 1971 kaj estis komitatano kaj estrarano pri la azia agado kaj pri faka kaj scienca aplikado 1989-1995. Kiel estrarano li redaktis la bultenon *Esperanto en Azio* 1990-1993 kaj fondis la Komisionon pri Azia E-Movado en 1994. Li prelegis en la Internaciaj Kongresaj Universitatoj en Varno (1978), Braziljo (1981), Budapeŝto (1983), Varsovio (1987) kaj Seulo (1994). Krome, en la 97-a UK en Seulo li estis rektoro de IKU. So aŭtoris la lernolibrojn *Kursolibro de Esperanto* (7-a eld. 1982) kaj *Praktiko de Esperanto* (1976, 2-a eld. 1981). Li instruis E-on i.a. en pluraj koreaj universitatoj, en la Nord-Amerika Somera Kursaro en San-Francisko kaj en Aŭstralio. En lia traduko aperis en 1983 la libroj *La sindonema arbo* kaj *Mi serĉas mian perditan…* de Shel Silverstein.

# Interreto por komencantoj

Trejnado por komencantoj pri uzo de la interreto okazis marde matene en la komputilejo Marečková. Partoprenis deko de scivolemaj homoj, kiujn mi dankas pro atentemo kaj aktiva partoprenado.

Manuela, KN 200

# Socia justeco kaj publika sano

Mardo, 26 julio 2016, salono Dolinský

Tre interesa kaj vigla prelego pri rimedoj por preventi infektajn malsanojn, kiel variolo, poliomselito, difterio ktp. Per vakcinoj (vaccinus, de/el vacca = bovino, dank' al doktoro Edward Jenner, 1796). Dankegon al s-ro Vergara

Daniel Lachassagne, KN 933

# TEĴA kunvenis

Kunveno de Tutmonda ĵurnalista esperanto-asocio TEĴA okazis 28-an de julio en salono Izák. La kunvenon estris prezidanto de TEĴA s-ro Alfred Schubert. La asocio konsistas el ĉ. 50 aktivaj kaj 80 pasivaj membroj. Reelektiĝis la nuntempa estraro kies mandato finiĝos en 2018-a jaro. Fidinde laboras la ĝenerala sekretario Vytautas Šilas el Litovio. En la retpaĝo de TEĴA troviĝas informoj kaj kotizoj kaj membreco.

La prezidanto Schubert esprimis la bezonon por presitaj seriozaj ĵurnaloj, ĉar en interreto la informoj estas nur efemeraj. Kun aplaŭdo akceptiĝis du novaj membroj.

Raportis Dieter Rooke, KN 721

# *Pacaj batalantoj* kontraŭ la milito en Ukrainio

Iomete pli ol 10 homoj ĉeestis la aŭtoran duonhoron pri “Sovetunio 20 jarojn poste. Reveno el Ukrainio en milito”. Sed la temo tiel interesis la publikon, ke la renkonto daŭris eĉ unu horon! Fakte Esperantujo estas la plej taŭga medio por pritrakti, kaj solvi, tiajn tiklajn aferojn, kiel “aneksio” de Krimeo kaj interna milito en Ukraino: per racio, klerigado kaj dialogo.

La libro mendeblas je la libroservo. Atentu: la ĝusta nomo estas “USSR” (ne “Sovetunio”) 20 jaroj poste.

Marianne Dunlop, KN 1142




# De Seulo al Nitro, 23 tagoj de trajnumado

Por partopreni en la 101-a UK 10 koreaj esperantistoj ekiris jam en la unua de julio, kaj dum 23 tagoj ili trajnumis tra Ĉinio, Mongolio, Rusio tra Siberio(haltis ĉe Irkutsko, Novosibirisko, Jekaterinburgo, Moskvo), Belarusio, Pollando, Germanio, Ĉeĥio kaj fine ili alvenis al la kongresejo. En multaj urboj ili estis varme akceptitaj de la lokaj esperantistoj, kaj Esperanto komplete funkciis dum la ekskursoj en Pekino, Ulanbatoro, Novosibirisko, Jekaterinburgo, Moskvo, Minsko kaj Varsovio. Notindas, ke la karavano sukcesis kunlabore kun la lokaj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj: Pekina E-Asocio, Mongola E-Asocio kaj Rusa E-Unio sen ia ajn helpo de vojaĝagentejo.

Surbaze de ĉi-jara sperto Korea Esperanto-Asocio kaj LKK de la 102-a UK planas la saman karavanon de inversa itinero "De Berlino al Seulo", kies detalojn vi aŭskultos kaj demandeblos en la kunsido "Seulo – Kiel alveni?" en vendredo (29a de julio, Škarvan), kaj 'budo de Seulo' (konstanta retadreso: SO Gilsu koguri@hanmail.net).

---

# Novaj Aliĝintoj

1251 S-ro Jan Fidel Řepa Ĉeĥio
1252 S-ro Park Yong-sung Korea Resp.

## Limeriko post Tuŝoj je animo

Ekstaza amĝua dancparo
sin turnas en nigra noktmaro
kun ĵaz' saksofona
kaj bel' cimbalona:
medita malluma sonĝaro.

## Limeriko post plaĉe pigra malekskursa tago

mi legis sub arb' poezion,
vizitis al art-galerion,
ĉeestis piknikon,
aŭskultis muzikon,
kaj ludis kun Anna ŝogion.

## Limeriko post vingustumado

Dum vingustumado tre rava plej plaĉis al mi la Palava.
en bona etoso...
ebria ĥaoso...
Sed ĉu mi vekiĝos kadavra?

Russ Williams, KN 511

Fine estas en koridoro apud salono Zvara foto-ekspozicio pri la 13 ĝemelaj urboj de Nitra. Bonvenon!

C. Nourmont, KN 461

# Esploro pri prononcmaniero

Antaŭ unu jaro, dum la UK de Lille, mi sonregistris 54 samideanojn dirante du espeantlingvajn frazojn.

Tiun eksperimenton proponis al mi Christian Guilleminet, fakulo pri fonetiko, kiu deziras studi la diversajn prononcmanierojn de Esperanto.

Ĉu vi bonvolus partopreni ekspluatadon de tiu eksperimento?

Se jes, bonvolu elŝuti la dosieron "percepto_testo.zip" ĉe la retejo "https://mon-partage.fr/f/Wj0d086E/" (klaku ligilon Télécharger).

Ju pli da partoprenantoj, des pli la informoj traktotaj de Christian Guilleminet.

Claude Labetaa, KN 767

**Elŝutu la ciferecan version de Pribina!**

Fotu la jenan kodon per via poŝtelefono por elŝuti tiun ĉi kaj la aliajn numerojn de la Kongresa Kuriero.





KONGRESA KURIERO DE LA 101-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Pribina

Sabato, 30 julio 2016

N-ro 7




## Esperanta preskaŭ venko en futbalo



La esperanta futbalteamo preskaŭ gajnis sian trian matĉon kontraŭ loka Nitra teamo ZMOS en ĵaŭda vespero. La rezulto estis 4-5 kaj la venka golo de la kontraŭulo estis farita en la lasta minuto.

Esperanta teamo tenis la pilkon admirinde multe en sia posedo kaj temas pri la plej bona el la ĝisnunaj tri matĉoj de "Esperanto". Pasintjare en Bon-Aero la esperanta teamo perdis 4-0 nur dum unua duontempo.

Tri golojn por esperanta teamo faris Padro Paulo Freitas el Brazilo.

## Aŭkcio portis al UEA preskaŭ 1500 eŭrojn

La kongresa aŭkcio kun bonega gvidado de Humphrey Tonkin portis al UEA ĉ. 1450 eŭrojn. La plej alta prezo estis ĉe la kongresa numero 1 de la sekva UK en Seŭlo, kiu kostis 350 eŭrojn, kaj la dua plej multekosta estis la kongresa numero 102 de la sekva kongreso, kiu kostis 150 eŭrojn.

Post tiuj nemateriaj varoj plej altajn prezojn atingis binditaj jarkolektoj de revuoj, el kiuj pintis la jarkolekto de revuo Esperanto el la jaro 1920. Inter libroj la plej altan prezon havis memoroj de Teo Jung ”Ĉiu ĉiun” kun dediĉo de la aŭtoro, kiu kostis 45 eŭrojn. Multaj aliaj libroj restis en prezoj sub 20 eŭroj.

## Komitato de UEA ŝanĝis statuton

En sia vendrera kunsido la komitato de UEA akceptis ŝanĝojn al la statuto de UEA, kiuj dum la venonta aŭtuno estos fine akceptataj per ĝenerala voĉdonado inter la membroj.

La komitato ankaŭ akceptis juran sendependiĝon de TEJO kaj kunlaboran kontrakton inter UEA kaj TEJO. Elektiĝis ankaŭ financa komisiono de UEA en kiu nun membras Osmo Buller (30 voĉoj por), Huang Jingbao (Trezoro, 30), Nico Huurman (28) kaj Fernando Maia (33). Entute estis 37 validaj voĉoj. Post sia emeritiĝo kiel ĝenerala direktoro Osmo Buller estas nun elektita al la komitato kiel komitatano C.

## Slovakio invitas por revizito

Ĉu vi ŝatis la 101-an Universalan Kongreson? Ni ene de LKK esperas, ke jes!
Se vi emus reveni al Slovakio por alia esperantumado, ni havas jam por vi jenajn proponojn:




### KAEST 2016

**Konferenco pri Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko** okazos en Modra (nur 25 km de Bratislavo), 17.- 20. 11. 2016. La ĉeftemo estos: “*Avantaĝoj kaj obstakloj de moderna komuni-kado*”. Aliĝu kaj partoprenu aŭ eĉ mem kontribuu kaj prelegu!

**http://kaest.ikso.net**




### Poludnica 2017

En la jaro 2017 (5. - 8. 1. 2017) okazos jam la 35-an fojon Internacia renkontiĝo de vojaĝantoj-esperan-tistoj.

Ĉeftemo ĉi-jara: GEOKAŜADO.

Detalojn serĉu ĉe:

**http://poludnica.esperanto.sk**




### SES 2017

**Somera Esperanto-Studado** – jam la 11-an fojon okazos somere en 2017 la plej granda somera E-lernejo.

Venu do ankaŭ ontjare al Slovakio lerni kaj praktiki Esperanton!

La loko estos precizigita baldaŭ, serĉu detalojn ĉe:

**http://ses.ikso.net**

# Nitre kune kantis ni

Por la UK en Nitro 2016 la prizorganto de la aktuala Internacia koruso, Franz-Georg Rössler, kreis kelkajn novajn esperantlingvajn kantojn, kiuj aparte bone kongruas kun la esperantista kaj la regiona etosoj.

La titoloj "Super montoj fulmotondro laŭte vokas" kun la refreno "Por liber' luktu ni, por la ver', por la Espero ni laboru!", "Kongreso en bela Nitro" kaj la kanono "Nitre kune kantu ni en perfekta harmoni': Esperanto!" bone plaĉis al la korusanoj entuziasme kantantaj kaj al la kunvenintoj en la koncerto vendrede. La muziknotojn - kolektitaj en pli ampleksa volumo - ricevas donace la urbestro de Nitro kaj LKK. Konservas ilin la arkivo de UEA por la memoro kaj por estontaj eventoj.

Parto el tiuj kantoj prezentiĝis ankaŭ sabate en la salono Zamenhof. Gvidis la koruson Rita Rössler-Buckel, la unua dirigentino en la Solena fermo.

KN 625

# Ĵurnalista vidpunkto

Post transepto merkredo, en ĵaŭdo 28. 7. okazis kelkaj profesiaj prelegoj kaj libertempaj okazaĵoj. La prelegoj: Muziko en Slovakio, Libroj de La Printempo, Oratoraj konkursoj, La Akademio de Esperanto, kiel ĉiam bonegaj koncertoj, ktp. De mia perspektivo, komitatano de Kongreso por presaĵo kaj amaskomunikila servo estas nia kongreso promociita tre bone. Kvankam parto de la nacia slovaka kaj fremdaj amaskomunikiloj montras malpli da intereso, ol ni povas atendi de mia ĵurnala sperto. Mi scias, ke nia kongreso, la unua de sia tipo en nia lando, postulos longan tempon por skribi kaj aŭdi. Krom internaj elsendoj de Esperanto-radioaparato kaj videokanalo Verda Stacio, la tutan trapason de la 101-a Universala Kongreso de Esperanto en Nitra dokumentas regiona televido Nitrička http://www.tvnitricka.sk/ rigardata de spektantoj ĉie en Slovakio. Plurajn amaskomunikilraportojn transprenis de ni novaĵagentejoj kaj tiel ili disvastiĝis. Preskomunikiloj ĉeestis gazetarajn konferencojn por la kongreso kaj ĵaŭde ni bonvenigis redaktoron de la slovaka Radio Regina - nia amaskomunikila partnero de la Kongreso Dr. Iveta Pospíšilová, kiu Esperanton iam lernis kaj tial ne devus esti granda problemo por komuniki. La registrado estos disponebla ĉe: http://www.nitra2016.sk/uk-en-gazetaro/ kie vi povas legi ĉiujn artikolojn pri la kongreso. Sinjorino redaktorino estis entuziasma pri la etoso, kiu triumfas inter ni en la premisoj de la Universitato de Agrikulturo en Nitra. Interalie, ŝi lernis ion pli pri la historio de Esperanto pere de Dr. Petr Chrdle kaj Ing. Jan Vajs. La amaskomunikiloj ne mankis dum vendreda programo - je la Malferma Tago, kaj Libroservo kaj aliaj bonegaj okazaĵoj... Danke al TV Nitrička la kongresanoj povis preni fotojn ne nur de la lando, sed ankaŭ de la aero uzante virabelon. Amaskomunikiloj certe ne mankos ĉe defilado aŭ provo pri slovaka rekordo en dancado de slovaka tango ekster la Teatro de A. Bagar sur Svätopluka placo. Ni dankas al TV Nitrička, MY Nitrianske noviny, Galéria MLYNY Nitra, RTVS, Rádio Regina, Reportér 24, Nitralive kaj Noviny Poprad por amaskomunikila subteno. Maratono de prelegoj, koncertoj, kursoj, vojaĝoj kaj junularaj okazaĵoj, kune kun interesaj konferencoj estos kompletigita per sabata Ferma ceremonio de la kongreso.

Mi kredas, ke la la 101-a Universala Kongreso de Esperanto en Nitra restos en la plej bonaj rememoroj...

Zlatica Gregorová, KN 196

# Travivaĵo kun polico

Ĉar mi loĝas ĉ. 15 km okcidente de Nitro, mi volis iri el stacidomo de Alekšince. Sur strato veturis kontraŭ mi aŭtomobilo kun du policistoj kaj haltis apud mi. Policistoj postulis mian legitimilon, demandis, kion mi volas, kie mi loĝas, kion mi faras ĉi-tie. Post kelka cerbumado mi devis eniri en aŭtomobilon: la policistoj servis kaj transportis min al stacidomo. Mi diris ”Multan dankon” en la slovaka.

Ulrich Wilke KN 1225

# Nitra leciono

Iam antaŭ nia tempo kulpis petolema preskoboldo, kiam io en la komunikado ne funkciis glate. Nuntempe anonima "teknika problemo" povus plene nuligi prelegon. Plurfoje tio okazis dum la kongreso. Honeste estu dirate, ke nek UEA, nek LKK, eĉ ne grizhara preleganto kulpis. Evidente nur tiu supera instanco persiste ne volis funkcii.

Tiel (nur unu ekzemplon) okazis dum la prelego pri la regiona muziko en salono Hodler, kie la preleganto jam frumatene amikiĝis kun la teknika prizorganto kaj la aparataro kaj post duona horo konstatis: En ordo ĉio, kaj mi eĉ kapablas prezenti, stiri, regi bildojn kaj muzikaĵojn samtempe.

Sed dum la prezentado mem longe la bildoj ne volis aperi, kaj baldaŭ la laŭtparolilo perdis sian voĉon. La majstro de la aparatoj, studinta komputila teknikisto, provis dumprelege persvadi la maŝinaron al kunlaboro, sed vane.

Ja mankis la muzikaj ekzemploj. Sed la preleganto ne bezonis akustikan plifortigon de la propra voĉo. Kaj li simple per intensigo de la prelega prezentado kapablis transponti la malĉeeston de la teknikaj helpiloj.

La homo ĉiam ankoraŭ estas la mastro de la iloj, se li ne facilanime transdonas la proprajn kapablojn al la maŝinoj. Ne fidu al la tekniko, nur fidu al vi mem!

KN 625

# Naŭ demandoj pri lingva justeco en la fakliteraturo

La ĝustaj respondoj de la ekzameno de nia AIS-kurso estis la jenaj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1) a, b, d | 4) a, b, d | 7) a, b, d | 10) c |
| 2) a, b, d | 5) a, b, d | 8) a, b, d | |
| 3) a, b, d | 6) a, b, d | 9) a, b, d | |

Kiel dirite, la ekzameno estis malpli malfacila ol tiel, kiel ĝi aspektis.

Xavi Alcalde, KN 631

# Eŭropa komisiono tamen kunvenis

Malgraŭ ĉio okazis la kunveno de la Eŭropa Komisiono de UEA dum la UK 2016 en Nitro. La salono ne estis mendita antaŭ la kongreso, la kunveno tial ne aperis en la kongreslibro,kaj lastminute ŝanĝiĝis la salono, al Zvara.

Tamen kunvenis dekkvino da homoj por informiĝi pri la plej juna el la regionaj komisionoj de UEA: komenco, konsisto, rilatoj kun EEU, ĝis nuna agado, laborplano. Fine venis pluraj proponoj, ideoj kaj demandoj pri la estonta laboro de la komisiono kaj la rilatoj kun la estraro de UEA.

Aleks Kadar KN 817

# Raporto pri teatraĵo *Tuŝoj je animo*

Unika scenej-muzika spektaklo preparita speciale por la UK okazis dufoje dum la marda vespero en la Teatro de Andrej Bagar en Nitro. La poemaro "Dotyky duše" de slovaka verkisto Jozef Leikert, eksa parolisto de la prezidento, en Esperanta traduko "Tuŝoj je animo" de bratislava esperantistino Anna Ivaková, prezentiĝis en formo de dulingva deklamado kaj kantado, akompanata per muziko kaj baleda danco.

Ambaŭfoje venis spekti ĝin po proksimume 150 kongresanoj. Laŭ la impreso de iuj, la kombino de pluraj artaj formoj kaj lingvoj bone transdonis la mort-proksiman meditadon pri spiriteco kaj beleco, kiu devenas de propra travivaĵo de la aŭtoro. La spektaklon organizis entuziasma grupo de personoj, el kiuj tute ne ĉiuj konis unu la alian, sed ĉiuj provizis al ĝi sian specifan talenton.

Krom la jam menciitaj temis pri elstara ĉeĥa zimbalonistino kaj kantistino Zuzana Lapčíková, dancistoj de la Nacia teatro en Brno Markéta Habalová kaj Michal Pimek, profesia slovaka aktoro Jozef Šimonovič kaj la ĉeĥa esperantisto Marek Blahuš, kiu publike deklamis poezion la unuan fojon.

Muzike akompanis la spektaklon tri pliaj ĉeĥoj kaj ĝian ĥoreografion kunkreis Hana Litterová. Komunaj provludoj okazis dum la du antaŭaj posttagmezoj, antaŭ kaj post la spektaklo informis pri ĝi priartaj radioelsendoj en Ĉeĥio kaj Slovakio.

Raportis: Marek Blahuš, KN 438

# 27-a OSIEK-konferenco en Osijek

En la kroata ĝemelurbo de Nitra, Osijek, antaŭ la 101-a UK, (16-22.07.2016) okazis gravdecida, la 27-a IEK, Internacia Esperanto Konferenco de porkultura asocio OSIEK (Organiza Societo de Internaciaj Esperanto-Konferencoj).

Pri la temo " Landoj ĉe vojkruciĝo " prelegis M. Butan, Nedeljka Lozajic, G.Mihalkov, Spomenka Štimec kaj Zlatko Tišljar. Bonfarte, en "sia" urbo, entuziasmigitaj de la naturo kaj kulturaĵoj de la urbo kaj la regiono Slavonija, OSIEK-anoj trovis novajn vojojn por la pluiro de sia organizo.

Por la nova prezidanto estas elektita entreprenisto, "deĉiama" OSIEK-ano Pal Kozsuch, (HU), laŭ kies propono la venontaj IEK-oj okazu kun aliaj, pli grandaj aranĝoj, sinapoge kaj samtempe apogante ties kulturan programon kaj, precipe, komencantojn serĉantajn la postkursajn utilojn de Esperanto. Inter la proponitaj aranĝoj troviĝas ankaŭ la fama somera SES en Nitra.

La tradician literaturan OSIEK - premion por la plej valora verko de vivantaj autoroj, per la sekreta voĉdonado, la membroj preskaŭ unuanime aljuĝis al la "Historio de la Esperanta literaturo" de Carlo Minnaja kaj Giorgio Silfer, eldonitan en 2015 de Kooperativo de Literatura Foiro.

La Konferencon, por la kvaran fojon, organizis la firmao Orbis Pictus, estrata de osijekanino kaj OSIEK-anino, Visnja Brankovic. Parto de la prelegantoj, komitatanoj kaj membroj de la 27-a OSIEK kontribuas kaj partoprenas ankaŭ en la 101-a UK en Nitra.

Visnja Brankovic,
teknika organizanto de IEK en Osijek

# Saluto de SAT al la 101-a UK

Karaj geamikoj,

Mi salutas vin je la nomo de Sennacieca Asocio Tutmonda. SAT estas renkontiĝejo por malsamideanoj, kiuj pretas interŝanĝi en tolerema etoso pri diversaj manieroj konstrui mondon sen subpremo kaj sen homekspluatado.

Konkrete, SAT eldonas la dumonatan gazeton Sennaciulo, kiu ekde la maja-junia numero fariĝis tutkolora. Ĝi ankaŭ eldonas la Plenan Ilustritan Vortaron (PIV). Ĝia reta versio, konsultebla en la paĝaro "vortaro.net", estis pretigita dank' al la kunlaboro kun la asocio E@I, kaj ni diskutis pri perspektivoj por la plua evoluigo de tio dum la pasintjara kongreso brile organizita en Nitro de la skipo al vi konata.

Alia grava eldonaĵo de SAT-EFK dum la lastaj jaroj estis la dokument-filmo "Esperanto" de Dominiko Gaŭtiero, pri kiu ducent ekzempleroj senpage estas disponigitaj dum tiu ĉi kongreso por helpi al ĝia utiligo flanke de Esperantistoj el nepagipovaj landoj.

Dankon pro via atento. Havu agrablajn kaj fruktodonajn kongrestagojn!

# La katalogo *Trovanto*

Pri la Esperanto-muzeo en Vieno prelegis s-ro Bernhard Tuider. Ĉiun materialon oni devas unue konservi kontraŭ ŝimado pro acida papero, koverto aŭ skatolo. Poste necesas la materialojn ordigi kaj katalogigi kaj informojn pri ili publikigi en la serĉilo Trovanto. Plie la kopirajte liberajn materialojn oni skanas kaj eksponas en la muzea retejo, nome inkunablajn librojn, revuojn, fotojn. Ĝis la jaro 2025 la muzeo planas eksponi en sia retejo sian tutan riĉaĵon.

# Ekskurso al Banská Štiavnica

Unu el la merkredaj ekskursoj – E1 – direktis al Banská Štiavnica, kie oni promenis tra la urbo kaj vizitis tri kastelojn, inkluzive de la eksterurba kastelo Svätý Anton, kiu apartenis al la nobelaj familioj Koháry kaj Coburg. Tie la juna loka ĉiĉeronino nur meze de la vizito plene ekkonsciis, ke ŝi gvidas samtempe grupon de homoj el 16 landoj kaj ke Esperanto estas ne nur ia nia nomo, sed ĝuste tiu lingvo, en kiu ni ĉiuj interparolas. Ŝi opiniis tion mirinda – same kiel la fakton, ke estroj de la grupo, kiuj ŝiajn klarigojn en ĝin interpretas, estas franco kaj ĉeĥo – do ke fakte tute forestis en la grupo slovakoj kaj ŝi tamen interkompreniĝas kun tiom bunta aro de homoj, mem laŭ propraj vortoj nesukcesinta ellerni ajnan fremdlingvon. Mi mem estis nur helpanto dum tiu ekskurso, ĉar plejparton de la interpretado prizorgis Matthieu Desplantes – juna franca esperantisto, kiu dum kelkjara restado kiel volontulo kaj dungito en la esperantista oficejo de E@I en Partizánske ellernis tiom bone la slovakan, ke necesis helpi al li nur malofte. Gratulon!

Cetere, la organizo E@I, estrata de la LKK-prezidanto Peter Baláž, daŭre serĉas volontulojn – legu pli ĉe http://blogo.ikso.net/

Raportis: Marek Blahuš, KN 438

# Esperantologia konferenco pri lingvoevoluo kaj Zamenhof

La 39-a esperantologia konferenco okazis en vendrera posttagmezo en salono Kalocsay kun partopreno de ĉ. 80 aŭskultantoj kaj prezentantoj. Okazis vigla diskuto post ĉiuj prezentoj.

Federico Gobbo analizis ŝanĝiĝon de esperanta vortordo, laŭ unu ekzemplo, nome la uzo de “lingvo internacia” aŭ ”internacia lingvo”. Zamenhof uzis preskaŭ entute la formon ”lingvo internacia” kaj ĉar lia lingvouzo estis prestiĝa ĝi aperis kiel modelo en la komenca tempo de esperanto. La formo ”internacia lingvo” komencis oftiĝi unue en SAT kaj iom post iom la vort-ordo ”lingvo internacia” estis konsiderata pionir-stila kaj ne plu moda. Nuntempa uzo en esperanta gazetaro preskaŭ ekskluzive uzas formon ”internacia lingvo” kaj la formo ”lingvo internacia” aperas nur kiam oni referencas al frutempaj tekstoj.

F. Lo Jacomo okupiĝis pri la demando, ĉu Esperanton necesas evoluigi - certe jes, ĉar ĉiu viva lingvo evoluas. S-ro Christer Kiselman prezentis la klopodon de Zamenhof verki gramatikon de la jida ”ĵargono”, kiu estis en lia tempo parolata, sed ne havis gramatikon. Zamenhof uzis modernan lingvistikan metodon, kiun li poste aplikis ankaŭ ĉe Lingve universale kaj poste ĉe Esperanto mem. Maria Rosaria Spáno parolis pri la engaĝiĝo de Zamenhof en la hebrea movado, por kiu li verkis plurajn artikolojn sub la nomo Gomo sum (Homo sum - Mi estas homo). Li kredis, ke la hebrea naciŝtato povas sukcesi nur en Usono. Adriana García Gutiérez el Kubo priskribis ontologiajn laborojn pri organizado de inform-scienco kaj terminologio en Esperanto.

# Alvoko por komuna informkampanjo

La pasintmonataj okazaĵoj montris, ke la nuna tempo tre taŭgas por informi pri Esperanto, ĉar homoj multe pli ol antaŭe interesiĝas pri lingvaj demandoj, ĉefe en la landoj de Eŭropa Unio, sed ne nur.

La skizo de la plano de UEA kaj TEJO estas helpi la informadan agadon pri Esperanto kunordigante kaj proponante rimedojn bezonatajn por tion efike fari. Por la kunordigado ni serĉas ĉefkunordiganton, kunordiganton de tradukantoj, kiel eble multajn tradukantojn, grafikumantojn, disvastigantojn, homojn, kiuj ŝatus kunlabori por tiu celo.

Skribu al briteliro@co.uea.org (laŭeble ĝis la 15-a de aŭgusto 2016) indikante pri kia supra rolo vi interesiĝas, kaj vi estos invitata al laborgrupo por kunlabori por laŭeble plej taŭga utiligo de la situacio por plibonigi la konatecon kaj prestiĝon de Esperanto.

Ni planas, ke la kunordigado okazos ĉefe interrete. Por tiuj, kiuj partoprenos la Universalan Kongreson en Nitro, estos specifaj programeroj dediĉitaj por paroli pri la temo kaj kunordigi niajn fortojn por bone kaj daŭripove utiligi la ŝancon, kiu malfermiĝis al ni.

(Laŭ gazetara komuniko de UEA)

# Limeriko post *La kredito*

Spektaklo pri banka kredito
kun multa komika profito:
Georgo kaj Saŝa,
intrigo ĉantaĝa,
kaj, neeviteble, kokrito.

Russ Williams KN 511

# Redakcia grupo dankas

Redakcia grupo dankas pro kunlaboro kaj raportoj. Ni ne povis aperigi ĉiujn kontribuaĵojn kiujn vi sendis por la kuriero sed granda parto de ili povis aperi. Ni pardonpetas pri kelkaj malfruoj en apero de artikoloj, eraroj kaj ankaŭ pro tro malgranda eldonkvanto de unuaj tri numeroj. La numeroj de kuriero troveblas ankaŭ en reto ĉe retejo de UEA, www.uea.org/kongresoj.

Jukka Pietiläinen
Edoardo Nannotti
Miroslav Malovec
Pavol Petrik

**Elŝutu la ciferecan version de Pribina!**

Fotu la jenan kodon per via poŝtelefono por elŝuti tiun ĉi kaj la aliajn numerojn de la Kongresa Kuriero.

